# LITERATURA MONDO



SEPTEMBRO 1925, KVARA JARO, OKA NO

REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY,
PAULO DE LENGYEL, DR^O VINCENTO TÓTH, PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR^O BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

**NIA KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (VARSOVIO), IVAN H KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM). EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI, STAN KAMARYT (BRATISLAVA), RUD. HROMADA (PRAHA)

**JARABONO: 144.000 HUNG. KRONOJ.**

Pro diversaj kaŭzoj ni nun ne publikas krucenigmon, provizore. Ni estus scivolaj pri la opinio de niaj legantoj. Se sufiĉaj voĉoj postulos tian enigmon, ni volonte reprenos ĝian publikadon.

*Solvo de Krucenigmo IV. Horizontale:* 1. sep; 4. apr'; 6. tus'; 8. paŝ'; 10. il'; 13. idol'; 16. Tantal'; 18. Rut; 20. Abukir; 22. Ra; 23. krem'; 25. sir; 26. ta; 27. tatu'; 29. rostr'; 32. dorn'; 33. eu; 35. alarm'; 37. modul'; 38. fi; 40. ajur'; 42. idiom'; 44. orel'; 46. Aŝ; 47. vom'; 49. moŝt; 52. up; 53. kirurg'; 55 Noa; 56. rigard'; 58. film'; 60. bo; 61. Ito; 63. rip'; 64. cim'; 65. end'. — *Vertikale:* 2. epitet'; 3. Pa; 5. polus'; 6. tiar'; 7. uln'; 9. si; 11. Ela; 12. ark'; 14. datur'; 15. Ob; 16.Tiro; 17. ara'; 19. ur'; 21. kirŝ; 24. Madrid; 26. trud'; 28. Tom; 30. teorem'; 31. man'; 34. Ali; 36. afiŝ; 37. mur'; 39. Amor'; 41. ĵongl'; 43. Ovid'; 45. api'; 48. mufti'; 51. taŝ'; 52. urn'; 53. krop'; 57. abi'; 59. mi; 62. t. e.

Ĝin solvis sroj Harras (Pécs); Kiglits (Pécs); Braun (Wien); Stroele (Neuchatel).

*Solvo de Krucenigmo V. Horizontale:* 1. pistak'; 4. haring.; 7. bas'; 9. kur'; 10. Emile; 12. simptom'; 13. kabl'; 16. farun'; 17. inka'; 19. krop'; 23. inert'; 24. timian'; 26. Ninive; 28. bar'; 29. dec'; 30. kravat'; 33. Morini; 36. Loire; 37. emu'; 39. Taine; 41. anod'; 42. brust'; 44. tond'; 45. pamflet'; 47. emoci'; 48. Irene; 49. lit'; 50. nam; 51. monokl'; 52. spined'; 53. oranĝ'; 54. jar'. — *Vertikale:* 1. Poluks'; 2. abis'; 3. kalif'; 4. Huron; 5. aram'; 6. granat'; 8. semajn'; 9. koturn'; 10. embri'; 11. Ĝenev'; 14. akt'; 15. lombard'; 17. iniciat'; 18. kre'; 20. Piave; 23. inert'; 21. pra; 25. ara'; 27. Ido; 30. kon'; 31. Rio de; 32. termit'; 33. Inn; 36. Latham; 38. muf; 40. Eduard'; 42. bacil'; 43. teras'; 45. polk'; 46. temp'.

Ĝin solvis gesinjoroj: Osmond (London); Stroele (Neuchatel); Schwartz (Paris); Berger (Córdoba); Kiglits (Pécs); Harras (Pécs); Braun (Wien); Jansson (Lidingö); Hájek (Praha).

# LETERKESTO

**K. B.** Tre flataj por nia rubrikestro estas la vortoj de via kontento kaj fido, sed ni, tamen, ne povas plu ekskluzive hejme redakti tiun rubrikon. Vi estas prava, ke la kontrolo, per la nova ordo, iom glitas for el nia mano kaj ni ne ĉiam povos garantii kaj kontroli, ĉu iu pentrartisto havas vere tian rangon kaj gravon en la sianacia arto kaj ĉu liaj alsenditaj bildoj havas vere tian gravon inter liaj verkoj, ke la elekton oni povas diri senriproĉe inda kaj ĝusta. Sed tiu ĉi malagrablaĵo sekvas el la afero mem kaj espereble ĝi ne havos tiajn sekvojn, kiajn vi timas. Tute eviti ĝin oni povus nur per konstantaj, bone pagataj kunlaborantoj ĉiulandaj. Kaj — tiajn revojn ni ja havis antaŭ longe, sed nun — ni ridas je ili kaj je nia iama naiveco.

**J. B. C.** Vi petas nian respondon pri la diferenco inter *estas . . . ita* kaj kaj *estis . . . ata.* Vi estas prava, oni ofte erare intermiksas tiujn ĉi du formojn. Ni penos nun evidentigi la diferencon inter ili.

Ni vidu ekzemplojn:

1. La domo estas konstruita de post duonjaro.
2. La domo estis konstruata dum duonjaro.

Ekzemplon 1. ni povas alivorte esprimi per la adjektivo *preta.* (La konstruo de la domo estas preta de post duonjaro.) Ekzemplon 2. ni povas esprimi per la verbo daŭri. (La konstruo de la domo daŭris dum duonjaro.)

Sekve, ni povas diri, ke en ekzemplo 1. la akcento estas sur la *rezulto* de la ago, en ekzemplo 2. sur la *ago* mem.

Vere, aŭdante: „la domo estis konstruata el brikoj", mi imagas vidi masonistojn, kiuj *metas* brikojn unu sur la alian, konstruante. Aŭdante: „la domo estas konstruita el brikoj", mi imagas vidi *pretan* domon el brikoj.

Same: aŭdante „la supo estis manĝata", mi imagas homon, kiu (en estinta tempo, en la tempo pri kiu oni parolas) ĝuste manĝas supon. Male: aŭdante „la supo estas manĝita", mi imagas (en estanta tempo) — malplenan teleron kaj plenan stomakon.

Sekvas el ĉi tio, ke parolante en la frazo pri *ilo,* oni prefere uzu formon 2., ĉar ilo kutime kunhavas la ideon de ago. Parolante pri materialo, oni prefere uzu formon 1.

La viando estis tranĉata per malakra tranĉilo.

La viando estas tranĉita el porkfemuro.

Jen nun ĉiuj eblaĵoj:

1. La tasko estas [estis estos] farata. = Ekzistas (ekzistis, ekzistos) *ago* de taskofaro.

2. La tasko estas [estis, estos] farita. = Ekzistas [ekzistis, ekzistos] *rezulto* de taskofaro.

3. La tasko estas [estis, estos] farota. = Ekzistas [ekzistis, ekzistos] *intenco* [devo] de taskofaro.

Resume . . . ata = ekzistas ago,
. . . ita = ekzistas preta faro, rezulto de ago,
. . . ota = ekzistas intenco de ago.

Ĉu tiu ekzisto estas nuntempa, pasinta aŭ venonta, tion diras la tempoformo de la apuda helpverbo *esti.*

# LA MILITO EN MAHTRA*

EDUARD WILDE

— Aljetu pliajn draŝajojn, he, maldiligentulaĉoj! Kia preĝtempo nun? Preĝu kiom vi volas, inferon vi iros tamen kun via tuta maldiligenteco!

Li ja tute ne estas tiel kolera, ĉi tiu larĝmentona, forta, malaltstatura nigra maljunulo tie en la polvnubo, apud la fulga pordo. Li kriaĉas kaj insultas nur pro konveneco kaj ankaŭ tial, ke li ne konas alian rimedon por almenaŭ iom vigligi la malrapidemajn, laciĝintajn fantomajn figurojn tie en la pajlajo, kaj fine tial, ke oni severe postulos de li klarigon, se la laboro ne estos preta ĝustatempe. Kaj dum li brue riproĉas kaj insultas kaj serĉas ĉiam pli fortajn esprimojn, ĉirkaŭ lia larĝa buŝo tremetas kelkfoje kaŝa rideto, malrapide glitanta laŭ lia larĝa mentono malsupren en la densan, vilan barbon, en la barbon, kiu ĉirkaŭas lian gorĝon kaj parton de la kolo kvazaŭ fera ringo. Ne, *Vidiste Mart,* la draŝinspektisto de la Vaitlabieno, tute ne estas tiom kolera, kiom li penas esti per la buŝo, kaj, ĉar ĉiuj draŝantoj scias tion, ili lasus sin senĝene insulti, se krom li ankaŭ la laborestro ne starus kun bastono en la draŝejo, kaj, se ĉi tiu altkreska, dikosta, malparolema nubopuŝisto ne estus ĉiam tiel malbonhumora, ke li, anstataŭ buŝo, prefere uzas la bastonon, parolantan multe pli klaran lingvon, ol la insultema buŝo de Draŝo-Mart.

— Aljetu pliajn draŝajojn! Ne ŝtelu la nokton de la biensinjoro, kiel vi ŝteladas liajn tagojn! Kiu nutros vin, se vi ne nutros la sinjoron!

— Ni nutras lin kaj ankaŭ nin mem, — grumblas unu servutulo, viŝante la peĉnigran ŝviton de la vango.

— Nu jes, vi estas la ĝusta homo por nutri vin kaj aliajn! — komencas nun ankaŭ la laborestro per treniĝa, naza voĉo. — Ĝuste vi, la ĉefo de la mallaboremuloj ! Kial vi rigardas tiel longe vian draŝilon? Vi certe volas spire vivigi ĝin, por ke ĝi mem ekbatu? . . . Kaj vi, Triinu, jam ree vi ekkaŭras kiel ovumonta kokino! Jam ree doloretas viaj femuroj! Atendu, mi ligigos vin al la tenilo kaj batigos la draŝajojn per via maldiligenta korpo!

Kaj li jam proksimiĝis kun sia timata salika bastono. Sed antaŭ la bastono de la laborestro Kaarel malaperas ĉio, havanta en si almenaŭ iom da vivo. Kiu restas, tiu pro laceco estas tiel rigida kaj indiferenta, ke li eĉ ne scipovas plu timi la baton.

Baldaŭ novaj draŝajamasoj kuŝas sur la tero, la draŝiloj estas prenataj for de la hokoj, kuniĝas la paroj kaj daŭrigata estas la nokta labordanco, sur la susuranta greno, tra densa griza polvo, kaj muziko ree aŭdiĝas, la draŝila, eterna kaj al ĉiuj tiel konata *klik-klak! klik-klak! klik-klak!*

La draŝinspektistoj scias multe rakonti pri fantomoj. Noktaj ombroj trompas iliajn okulojn, noktaj sonoj iliajn orelojn. La nokto kaŝas sub sia mistera mantelo multe da misteraj fantomoj. Dormema, duondorma okulo povus opinii la tutan bildon, kiun prezentas nun la draŝejo, granda halucinaĵo. Malhele-griza ĝis karbe-nigra estas la tuta ejo. La sebkandeloj en la fulgaj lanternoj, kun sia malgaja flava lumo, estas la okuloj de la fantomoj. La radioj, pene penetrantaj de ili tra la polva ejo, paliĝas malproksimete ĉiam pli kaj pli, kaj iĝas mortint-koloraj. Longaj, malrapidaj ombroj rampas laŭ la planko, suprengrimpas laŭ la muroj, levas siajn kapegojn ĝis la ĉevronoj. Ekstere hurlas aŭtuna vento, kvazaŭ volante aŭdigi la doloron kaj mizeron de l' mondo en komuna, potenca plorkanto, en granda malesperkrio, sonanta ĝis la mondrando. La draŝejpordegoj ploretas, la tegmento ĝemas kaj ĝemegas, kaj la nuboj ŝutas larmojn malsupren rivere, kvazaŭ volante per superakvego kaŝi ĉion, leviĝantan de malsupre el la nigranta profundegaĵo kiel ploro kaj plendo en la spacon, por difekti la dian trankvilon kaj silenton.

Aro da fantomoj, spiritoj, mortintoj, moviĝantaj tie en la malklara polvonubo, inter kvar muroj, nigrantaj pro fulgo ! Ili ne havas okulojn, ili ne havas buŝon, nazon aŭ orelojn ; ili ankaŭ ne havas plu cerbon, kiu pensus ; nek koron, kiu batus senteme. Ili estas laboriloj, kiel la du kunligitaj lignopecoj en ilia mano, kiun ili nomas draŝilo. Draŝilo kaj Mihkel—Mihkel kaj draŝilo; Liisu kaj drasilo—draŝilo kaj Liisu—ĉio sama, diru kiel vi volas. Tiu ne havas pli multajn dezirojn ol ĉi tiu, tiu ne estas pli malsata kaj soifa ol ĉi tiu. Ĉar por sendi malsaton kaj soifon necesa estas sentado — sed la draŝilo ne sentas kaj same Mihkel kaj Liisu.

La kvara draŝado en la semajno. Inter kvar draŝadoj ununokta ripozo. Du tagojn kaj du noktojn laŭvice malfacila laboro, poste ununokta dormo, kaj ree du tagojn kaj noktojn laŭvice malfacila laboro kaj en la pansakoj grenventumaĵa pano.

*Klik-klak! Klik-klak! Mac-poc! Mac-poc!* Jam la batoj kelkie ekperdas sian sonoran sonon, jam kelkiuj draŝilduoj faladas teren malforte kaj obtuze sonante. Kelkiuj, kiam la amaso estas draŝita, apogas la dorson al la muro kaj restas starantaj tuj kiel lignoŝtipoj. Neniu diras plu ian vorton al la alia, neniu rigardas plu la alian, ili ne vidas plu la vizaĝojn, la figurojn, ili sentas nur, ke ĉirkaŭ ili moviĝas homoj, kaj ke ankaŭ ili mem moviĝas. Ĉio estas kvazaŭ en densa, ne trapenetrebla nebulo, la voĉoj atingas iliajn orelojn kvazaŭ de post malproksima, malproksima arbaro, aŭ maro. Kelkies okuloj estas tute fermitaj, ili moviĝas nur laŭ la korpsento; aliaj rigardas antaŭ sin per vitrecaj senesprimaj okuloj.

Du junaj kaj malfortaj uloj, knabo kaj knabino, unu el unu, alia el alia draŝgrupo, estas kaŝe sidiĝintaj, dum la turnado de la draŝajo, en malluman angulon. La laborestro, mem malespere luktanta kun la dormo, malfermas la okulojn, ĉirkaŭrigardas severe, ekvidas unun el la mallaborantoj, proksimiĝas al li sur piedpintoj kaj forte ekbatas



V. RADA: ILUSTRAĴO AL LA „ŜUISTO KAJ DIABLO"

*) Fragmento el la romano.

la knabon. La dormanto vekiĝas, sed lia vizaĝo ne montras dolorsenton, li eĉ ne komprenas, kio okazis, kaj estas ree kliniĝonta. Nur la dua kaj tria bato malkuŝigas lin.

La knabino estas pli vigla kaj delikata: el ŝia buŝo eliĝas ĉe la unua bato malgranda „aj", kaj antaŭ ol la sekvonta ektuŝas ŝin, ŝi estas jam ĉe la laboro.

— Dormemuloj! Do ĉi tie estas via dormoĉambro! — murmuras la laborestro, dum liaj propraj okuloj estas fermiĝontaj kontraŭvole.

— Movu la manojn, movu la manojn! — admonas la draŝinspektisto, dum li rigardas el la pordego, rimarkante zorgoplene la ĉiam pli heliĝantan matenruĝon.

Per insulto kaj bastono oni enigas novan forton en la rigidiĝintajn membrojn de la vivaj kaj malvivaj laboriloj. Ree leviĝas kaj malleviĝas la manoj, ree klakas kaj brufrapas la draŝiloj, ree susuras la pajlo kaj ree ŝutiĝas la greno sur la argilan plankon — bela ora greno, el kiu en la bieno oni faras tian subtilan blankan farunon, tian puran, dolĉan panon, en kiu estas nek grenventumaĵeroj, nek braneroj.

Kiam la sunglobo sur la horizonto ekflamiĝos brilegante — la pluvo estas ĉesinta — tiam la draŝado estos finita, la kvara en ĉi tiu semajno, jam tioma dum la aŭtuno.

Kiel? Ĉu ili ne ĝojas, ke la laboro estas farita? Ĉu en ilia brusto ne ekĝermas eĉ ero de tiu viviga, feliĉiga sento, kiun ĝuas la homo post finita kaj sukcesa laboro? Ho ne! Ili dormas starante kaj pro tio sentas nenion. Kaj due, ilia laboro ja ankoraŭ ne estas finita. Ilia laboro nur komenciĝas. Ĉi tiu brilanta fajroglobo tie sur la griza ĉielrando, kies oraj radioj nun kisas la vekiĝantan, refreŝiĝitan naturon — ĝi estas por ĉi tiuj noktaj laborfantomoj timiga signalfajro, ke jam nova, same malfacila labortempo atendas ilin. Ankoraŭ dek du horoj da laboro, insultado, bastonado, grenventumaĵa pano, luktado kontraŭ dormo — nur tiam estos ripoztempo, la kara dolĉa sabatvespero . . .

El la estona: *Helmi Dresen.*

# V I K T I M O J

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

JULIO BAGHY

## DEKA ĈAPITRO

Dum la tuta nokto Izor Steiner maldormis. Se li fermis la palpebrojn, por dormi, tuj aperis teruraj bildoj. Se li malfermis la palpebrojn, li aŭdis ian misteran bruon. Eble soldatoj proksimiĝas, por aresti lin. Kion fari? Rifuĝi? Sed kien? Malfacila demando! Okcidente baras la vojon la ĉeĥaj legioj, pri kiuj oni diras ke ili la kaptitojn senvestigas, pelas en la riveron Angara kaj ĉase mortpafas ilin en la ondoj. Ĉu suden? Neeble, la ĉina limo estas bone gardata kaj tie atendas favoran okazon la rusa *blanka* armeo. La rusaj oficiroj estas same kruelaj. Ili, laŭdire, faras mezepokajn inkviziciojn. Ĉu kuri orienten? Jen estus falo el sitelo en barelon. La tuta ruĝa armeo rifuĝas orienten, rekte en la faŭkon de la proksimiĝanta japana armeo. Cetere le revolucia armeo ne estas malpli kruela. Eble oni opinios lin oficiro kaj tiam... ajve!... Kiom da steloj sur la pagono, tiom da najloj en la ŝultrojn. Restas nur unu direkto: la nordo. Sed norde etendiĝas senlimaj stepoj, kalvaj montoj, poste glacio kaj glacio. Nu bone, sed krom tiuj geografiaj malamikoj estas duonsovaĝaj indiĝenoj. Kien iri do? Ĉu resti kaj vendi ĝis lasta momento la fumitajn salmojn, krakovajn kolbasojn, bulkojn, pipron, salon aŭ lasi sin ekipi kaj iri denove en la tranĉeojn, kiujn oni fosis ĉirkaŭ la tendaro?

Li ne povis decidi pri sia sorto. Noktmeze li ellitiĝis kaj prenante plumon kaj paperon li komencis skribi sian testamenton. Sed ĉe la unuaj frazoj li ekflamiĝis. Lia edzino ĉiam forgesas mencii la nomon de la eta filineto. Kaj krom tio, tiu ĉi Salamono estas ruza judo, kiu eble trompos per la testamento. Li disŝiris la tutan skribaĵon kaj komencis paki. Nur la plej necesajn. Kiel bone estas al tiu ĉi ruza Salamono, ke li ne havas tiajn zorgojn. Jen, li ne riskis sian vivon por la firmo kaj tamen li ricevis sian profiton. Por kontentigi sin almenaŭ iom,li subite boksis en la femuron de la ronkanta Salomono.

Salomono vekiĝis. Liaj migdalokuloj streĉiĝis kaj senkomprene fiksiĝis al Izor.

— Nu ? !

— Nenio !

— Kion vi volas ?

— Krevu !

— Noktmeze ŝerci ? ! Jen vi, Izor.

— Ĉu vi pensas, ke mi ŝercas ?

— Vi diris ja, ke mi krevu.

— Kaj tio estas ŝerco por vi ? ! Jen kiel ruza vi estas.

Salomono, fervore gratante sian densan barbon, rigardis oscedante al Izor. Lin ne surprizis, ke li pakas. Tion multfoje faras Izor por bone manipuli pri la varoj.

— Kion vi faras, Izor ?

— Mi pakas, Salomono.

— Tion mi vidas. Sed kial vi pakas ? Estas noktmezo.

— Jam pasis, Salomono, jam pasis. Sed kial vi faras tiajn ruzajn demandojn ? Vi ne riskis la vivon por la firmo. Tion faris mi. Vi povas ja dormi trankvile, dum mi, kiel la fava hundo, devas min kaŝi de la homoj. Dormu trankvile, Salomono. Vin tute ne interesas la afero. Vin ne incitas, ne maltrankviligas, ne pinĉas, puŝas, pikas la tuta negoco, dum mi tremas, hezitas, cerbumadas, ŝvitas, disputas kaj persistas ĝis apopleksio. Mi ŝiras la harojn...

— Nu, tion faras ankaŭ mi, — diris ridetante Salomono kaj kombis sian barbon per la fingroj. — Cetere, kial vi estas tiel ekscitita ?

Izor konsternite frapis al sia frunto.

— Jen, kia ruza demando ! Ĉu vi volus, ke mi perfidu al vi ĉion ? He ? Ĉu mi eble diru ke, por fari la negocadon senriska, mi akiris dokumenton, kiu pruvas, ke mi ne estas laŭkore ruĝa. Krevu, se vi estas scivola. Ĉu mi eble diru al vi, ke tiun dokumenton mi transdonis al sinjoro Doŝky ? Ĉu vi eble pretendus, ke mi tuj rakontu, ke tiu dokumento estas en la poŝo de sinjoro Doŝky, kiun oni arestis hodiaŭ kaj portis al la ŝtata malliberejo. Ĉu mi diru, ke post du tagoj la blanka armeo verŝajne jam estos ĉi tie kaj tiam oni min pendigos kiel danĝeran revolucieman elementon. Ĉu mi malkaŝu ĉion ĉi, por ke via malbenita klaĉemo renversu ĉion kaj pereigu min ? Nu ! Ĉu vi scias, kial mi pakas ?

La dormemo forflugis el la okuloj de Salomono. Tute malesperiĝinte li svingis la barakojn jen al la ĉielo, jen al siaj kruroj. La unua gesto petis helpon, la dua mildige frotis la sin anoncantan reŭmatismon.

— Kio estos al vi, Izorĉjo ? — li knaris plore.

Izor faris Napoleonan pozon kaj reknaris.

— Oni pendigos min.



V. RADA: ILUSTRAĴO AL LA PICKWICK-KLUBO DE DICKENS

Salomono ellitiĝis. Senkonsile, stulte li gapis al Izorĉjo, kiu fervore daŭrigis la pakadon de sia tornistro. Li ne sciis, kiamaniere konsili, aŭ almenaŭ konsoli sian ĉefon.

— Kial vi pakas, Izor? — fine li komencis, ĉar iel oni devas komenci.

Izor subite levis la kapon.

— Jen kia ruza demando! Jen kiel vi gratas dekstran orelon per maldekstra mano! Vi volas scii, kion mi lasos al vi. Nenion! Absolute nenion! Ĉu vi ne povas kontenti pri la komercaj interrilatoj kiuj postrestos? Ĉu ne sufiĉas al vi kvindek procentoj el la profito, vi envias eĉ la almozulan tornistron?

Salomono silente eklarmis. Ankaŭ Izor emociiĝis. Li kortuŝis sin mem.

— Mi scias, kara Salomono, ke vi estas la plej bona, plej fidela samreligiano kaj kunfirmano! Jen mia testamento! Estu bona, kiel ĝis nun. Eĉ la azenon mi donacas al vi, sed por asekuri ĝian vivon kalkumu la frunton de la azeno. Ĝi estu blanka. Vi scias ja, ke siatempe mi pentris sur ĝi la kvinpintan ruĝan stelon por aŭtentikigi ĝiajn sentojn. Nur unu konsilon akceptu de mi. Neniam petu dokumentojn pri via politika konvinkiĝo, precipe, se vi tute ne havas tiajon.

La larmoj silente fluis sur la vangoj de Izor. Salomono provis konsoli lin.

— Izor, Izorĉjo! Kaj se tamen oni ne pendigos vin. Tion vi ne povas scii certe. Aŭskultu min! Kio okazus, se vi irus peti novan dokumenton? Kopion pri la unua. Kiu donis la unuan, donos ankaŭ la duan.

Izor grimacis pri la ideo.

— Salomono, vi estas la plej naiva judo, kiun mi renkontis en la vivo. Vi tute ne konas la homojn, precipe la tiaspecajn, kia kapitano Prokeĉ. Ĉu vi pensas, ke li nun donos al mi dokumenton, kiam la blanka armeo staras je kelkaj mejloj? De du semajnoj li rifuzas ĉian interrilaton. De du semajnoj li nenion volas scii pri mi.

La du timiĝintaj simpluloj malespere rigardis antaŭ sin. Pensoj zigzagis, planoj plektiĝis, sed la definitiva decido malfruis. Izor pakis, Salomono helpis senvorte.

— Sed kion vi volas, Izor? Kien vi volas iri? — diris Salomono post longa silento.

— Unue mi vizitos la ŝtatan malliberejon. Eble mi sukcesos paroli kun sinjoro Doŝky. Due... Dio scias kion?!

La mateno fine krepuskis. Kelkaj frue-vekiĝantoj jam ekstere ĝuis la freŝan matenan aeron. Tage estas ja sufoka varmego. Iu el ili nun enkuris kun mieno esprimanta timon kaj konsterniĝon.

— La barako estas ĉirkaŭfermita de armitaj soldatoj. Neeble eliri.

Ĉiu vekiĝis. La ekscitiĝo estis ĝenerala. Kaŭzon neniu konis.

Izor ektremis en la tuta korpo kaj flustris al Salomono.

— Ili certe venis aresti min.

Salomono ĝuste volis kuraĝigi lin, kiam la barakpordoj malfermiĝis. Soldatoj staris sur la sojlo. Iu el ili deklaris.

— La tendaro estos evakuata. Ĉiu paku kaj iru al la stacidomo. Kvar vagonaroj atendas tie.

Izor pli facile spiris. Li ŝovis sin al unu el la soldatoj.

— Kamarado! — li diris. — Kara kamarado, ĉu ankaŭ mi devas iri al la stacidomo?

— Kial?

— Nu, vi bonvolis mencii nun, estimata kamarado, ke ĉiu devas paki kaj iri. Mi nur kuraĝas informi vin, ke mi pakis. Mi estas ja preta por la forvojaĝo.

La soldato denove ekkriis plengorĝe.

— Jes! Mi forgesis! Kiuj estas organizitaj, aŭ en la armeo aŭ en ia sovjeta sekcio, tiuj restas ĉi tie.

Malbonkonjekte gratis Izor la nukon.

— Kial resti, estimata kamarado? Mi jam pakis.

— Por batali. Morgaŭ aŭ postmorgaŭ la ĉeĥaj legioj eble atingos la urbon. Ĉi tie la montoj donas facile defendeblan pozicion al ni, — klarigis plenbuŝe la soldato.

— Ĉu facile defendeblan...? — rimarkis Izor dube kaj glutis la salivon, kunfluintan en lia buŝo. Liaj okuloj ronde malfermiĝis, la lipoj estis kunpremegitaj kaj li aspektis tiel komike, ke la soldato, por amuzi sin, frapis sur lian ŝultron.

— Kaj vi, kamarado, estos kun mi, ĉe la maŝinoj...

— Ĉe kiaj maŝinoj?... Mi ne estas maŝinisto...

— Ĉe la maŝinpafiloj, — klarigis ridante la soldato.

— Nu bone, bone, sed mi devas iri hodiaŭ en la urbon. Mi havas urĝan aferon. Ĉu mi ne povas iri en la urbon?

— Kial ne? Ankaŭ tie estas maŝinoj...

Ĉi tio tute ne trankviligis Izorĉjon, tamen, li dankis, prenis sian tornistron, adiaŭis kaj ekiris. Ekstere li vidis tre viglan militan prepariĝon. Antaŭ ĉiuj barakoj staris soldatoj. Kelkloke jam en kvarvicoj, por ekiri. Al la surmonta tranĉeo ĉinaj soldatoj tiris du kanonojn. Ĉe la stacidomo efektive atendis vagonaroj, kaj ne kvar, sed ses. Sed, kio tre surprizis nian Izorĉjon, estis, ke la lokomotivoj de kvar vagonaroj rigardis al Irkuck kaj nur du montris al oriento, al la sola direkto, kien oni povus evakui. Kaj estis ankoraŭ ia bagatelo, kio ne tute plaĉis al Izor. Dekduo da maŝinpafiloj baris la vojon de eventualaj forkurantoj. Nu, jen estas la milito, pensis li kaj serĉis lokon por si en la vagonaro.

Ĉiuj vagonoj estis plenplenaj. En la kupeoj kaj sur la supro de la vagonoj kuŝis kvazaŭ haringoj la ruĝaj soldatoj. Granda tumulto ĉie. Blasfemoj, brua disputo, plendoj. Izor provis ĉe ĉiu vagono, sed nenie li sukcesis trovi lokon. Fine, ĉe la lasta vagono li alkroĉis sin al la bufro. Sur ĝi sidante li faris la sepverstan vojon.

La stacidomo de la urbo havis eĉ pli viglan aspekton ol tiu de la tendaro. Ĉie la sama malespera tumultado. Rifuĝo kaj rifuĝo. Izor ekmarŝis al la urbo. La ŝtata malliberejo situas ĉe la bordo de la *Selenga*. Granda, duetaĝa konstruaĵo, el ruĝaj brikoj, montrantaj jam de malproksime, ke ĝi apartenas al la ŝtato. Izor devojiĝis al la kampoj. Ne konsilinde, iri nun tra la stratoj. Eble oni perforte ekipos lin kaj li tute ne entuziasmas pri tio, ke li pafadu en la tranĉeo.

Veninte al la malliberejo, li rigardis el prudenta distanco ĝian grandan, pezan ferpordegon. Li ne kuraĝis proksimiĝi al la gardistoj, kiuj laŭte disputadis antaŭ la pordego. Li tiris sin en la ombron de granda roko, kuŝanta apud la rivero. Eble li kaptos favoran okazon, eble li ekscios ion el la vortoj de la soldatoj.

Post duonhora atendo tra la pordego eliris la juna adjutanto kun Katja. Post kelkaj vortoj al la soldatoj, ili ekiris al la urbo. Izor miregante balancis la kapon. Poste — li atendis plu. Artifikajn planojn li elpensis, por proksimiĝi, sed neniun el ili li kuraĝis realigi. Li jam rezignis kaj decidis reveni al la stacidomo kaj rifuĝi kun la aliaj, kiam li ekvidis, ke Fiza venas el la malliberejo. Nu, Fiza eble ne perfidos lin. Li ŝtelis sin post ŝin.

Nur post longa tempo li kuraĝis ŝin alparoli. Je lia time mallaŭta alparolo la rapidanta Fiza turnis sin.

— Izor, vi! Ĉu vi ne rifuĝis?

Izor ekĝemis kaj riproĉe rigardis ĉirkaŭen.

— Ĉu mi povas rifuĝi? Min ligas sekreto al tiu ĉi loko.

— Sekreto?!

— Jes, sekreto, sed tio ne interesas vin. Mi volus nur demandi, ĉu mi povus viziti sinjoron Doŝky?

— Ne! Tute ne! Li kaj sinjoro Bardy estas severe gardataj.

Izor denove ekĝemis.

— Nu, do mi provos rifuĝi. Kaj li ekiris senprokraste en la direkto de la stacidomo.

Fiza haltigis lin.

— Hodiaŭ jam ne eble. Estos ankoraŭ nur du vagonaroj, kiuj morgaŭ portos la postrestintojn, se la batalon malgajnos la ruĝa armeo.



V. RADA: ILUSTRAĴO AL LA PICKWICK-KLUBO DE DICKENS

— Ĉu morgaŭ estos batalo ? ! Jam morgaŭ ? ? Jam morgaŭ okazos tiu malbenita batalo ? Nu, kaj kiu batalos, se ĉiuj rifuĝis.

— Kiuj restis.

— Ĉu mi ? batalu ? Neniam ! Mi ne estas batalema.

Fiza nevole ekridis.

— Vi ne devas. Vi ja estas soldato. Vi povos sidi sola en la barako.

— Kial sola ? Diru, kial sola ? Vi volas min teruri.

— Mi diras la plej malĝojan veron. Viajn kamaradojn oni hodiaŭ perforte portis al la batalfronto por jeti ilin al la furiozo de la bone ekipitaj ĉeĥaj legioj. Oni diris al ili, ke la tendaro estos evakuata kaj nur en la lasta momento ili eksciis la ruzon de la komandantaro. Ili protestis, sed la protesto estis tro malforta kontraŭ la dekduo de pafilmaŝinoj. Kaj tiun teruran ruzaĵon elpensis viaj samlandanoj. Ili portis la malfeliĉulojn en la certan morton.

Izor konsterniĝis.

— Mi ĉiam sciis, ke ili estas rabistoj, ordinaraj fratmurdistoj kaj . . .

Fiza metis sian manon al lia buŝo.

— Silentu ! Eble iu ekaŭdos.

## LA POLVOHOMO MEDITAS

*Multfoje, se la Vivo ardas,*
*en amspegulo sin rigardas*
*kaj plantas en dezerto rozon,*
*por sinador' forgesas pozon,*
*ebrie volas bruli, flami,*
*volupte heni, beste ami,*
*saturas tiam min kompren':*
*naskiĝis mi por amgehen'.*

*Multfoje, se la Vivo dignas,*
*per mejloŝtonoj vojon signas,*
*talpfosas sube, flugas agle,*
*el polvo levas sin mirakle,*
*frakasas, luktas, scias, kreas,*
*escepte sin mem — ĉion neas,*
*saturas tiam min kompren':*
*mi estas — dia suveren'.*

*Multfoje se la Vivo ĉarmas,*
*pro propraj sentoj milde larmas,*
*por taksi veran altvaloron*
*rigardas sian nudan koron*
*kaj nutras, helpas, ĝojas, ridas*
*kaj altruiste sin dividas,*
*saturas tiam min kompren':*
*mi estas la — ĉiela ben'.*

*Multfoje se la Vivo boĵas,*
*perfide pri mortfalo ĝojas,*
*en koto gruntas, stulte mutas,*
*senhonte juĝas, persekutas,*
*sankcias pekojn, leĝojn gurdas,*
*sin kraĉas, trompas, rabas, murdas,*
*saturas tiam min kompren':*
*mi estas — vermo de ingven'.*

*La Vivo tiam en mi krizas,*
*dolorajn dubojn honte ĉizas*
*kaj la jungita homa dio*
*fariĝas stupo — pli nenio,*
*mi tiam volus maŝon ligi,*
*sur sekan branĉon min pendigi*
*kaj langmontrante moki vin,*
*vi, fie glora homdestin'.*

*Julio Baghy.*

Izor tuj falis en tomban silenton, ĉirkaŭrigardis kaj plore demandis.

— Ĉu ankaŭ Salomonon oni portis ?

— Verŝajne, ĉar en la tendaro restis nur la malsanuloj.

— Nu, do mi estas pli trankvila. Salomono havas reŭmatismon, — kaj li indigne aldonis — jen, kiel ruza judo li estas.

Ili ekiris al la urbo. Izor scivole interesiĝis, ĉu Fiza scias, kian konspiron preparis Bardy kaj Doŝky. Lin tre surprizis la respondo.

— Ili tute ne konspiris.

— Do kial ili estas arestitaj ?

Fiza ridetis milde, sed enigne ; ŝi silentis. Izor malpacience pri la respondo, ripetis la demandon. Sed Fiza subite komencis alian temon.

— Izor, mi havus grandan peton al vi. Ĉu vi plenumus ? . . .

— Nu, se ĝi senriske estas plenumebla . . . Mi ne estas malkuraĝa, sed mi havas kvin infanojn en Marmaroŝ kaj . . .

— Ĝuste, ĉar ankaŭ vi mem havas infanojn . . . Neniu povas scii, kio okazos morgaŭ al mi . . . Eble mi mortos . . .

— Ĉu vi volas batali ? Vi volas batali ? !

— Mi devas ja batali. Aŭdu, mi kaŝis la infanon, kiun, vi eble scias, iam protektis sinjoro Doŝky. Eble mi ne renkontos lin plu.

— Eble ankaŭ mi ne — ekĝemis Izor.

— Kial ne ? Vi ne estas soldato. Vi povas kaŝi vin ie dum la batalo. Nun aŭskultu ! Ĉu vi vidas, tie, trans la rivero, estas monaĥinejo, duone detruita de la ruĝuloj.

— Mi vidas.

— En la loĝeblajn ĉambrojn sin reuris kelkaj familioj, kies domoj dum la „oficiala" esploro *hazarde* ekbluris.

— Tion mi scias.

— Inter ili estas maljunulino. Oni nomas ŝin avino Anna Lipova. Ĉe tiu virino sinjoro Doŝky povos retrovi la knabeton, kiam li volas. *Anna Lipova!* Ne forgesu !

Izor enpense gratis la nukon.

— Nu, kaj se . . . Dio tion ne donu . . . se oni pendigos sinjorojn Doŝky kaj Bardy ? Kio okazos tiam ?

— Oni ne pendigos ilin, — respondis konvinke Fiza.

— Nu, sed tamen . . . Neniu scias, kio povas okazi en la granda tumulto . . . Al kiu mi diru tiam la lokon de la knabeto ? !

Fiza, post iom da pripenso, amare respondis.

— Se oni mortigus ilin, la knabeto restu, kie li estas. Anna Lipova pensas, ke la knabeto estas mia filo. Indulgon ne meritas, kiuj ne konas indulgon.

Ili atingis la unuajn dometojn de la urbo kaj senvorte paŝadis unu apud la alia. Preter ili galopis rajdotrupo de anarkistoj, kiuj sencele pafadis en la aeron. Longa vico da trajnoveturiloj bruis sur la ŝtonpavimitaj stratoj. El alia direkto kanonoj estis tirataj de ĉinaj kamparanoj. La ĉefplaco estis ĉirkaŭita de soldatkordono kaj en la mezo staris tremante maljunuloj, bonvestitaj virinoj, palvizaĝaj infanoj. Ili time premis sin unu al alia. Antaŭ la *Narodni Dom* (popoldomo) kuŝis ĉe la trotuaro du mortpafitaj viroj. Sango makulis la vizaĝojn, koto la vestojn. La okuloj rigardis vitre al la blindigaj sunradioj.

Fiza forturnis la kapon, plirapidigis la paŝojn. Izor kun fermitaj okuloj sekvis ŝin, li sentis, ke lia tuta interno tremas. Proksime al la stacidomo Fiza ekparolis.

— Izor, mi pripensis la aferon. Mi ne volas kaŭzi al patrino la doloron : perdi sian infanon. Aŭskultu ! Se oni mortpafus sinjorojn Doŝky kaj Bardy, sed tio ne povas okazi, aŭ se ia malfeliĉo trafus ilin, iru al la reveninta Medvedjuk kaj malkaŝu al li la lokon de lia fileto.

Izor faris tian mienon, kvazaŭ vespo lin estus pikinta

— Ajve ! Vi sendas min rekte en faŭkon de la tigro.

Sed Fiza jam adiaŭis kaj rapide ekiris al apuda vojeto.

— Mi iras la kazernon, elekti por mi ĉevalon.

Izor restis sola kun siaj zorgoj. Kun pendanta kapo, kun sendecidaj paŝoj li iris al la stacidomo. Sed tie li trovis malplenajn relojn. Kion fari ? Hejmeniri perpiede ? Post longa hezito li decidigis sin por tio.

Fiza estis prava. La tendaro estis funebre malplena. Senhomaj barakstratoj, oscedantaj pordoj ĉie. Nur ĉe la oficiraj barakoj, kiujn gardis kelkaj soldatoj, staradis ne orientitaj oficiroj en grupoj kaj ekscitite diskutis pri la okazaĵoj kaj la ŝancoj. Sur la spino de la apudtendara monto oni povis vidi de tie ĉi la maskitajn du kanonojn, kelkajn maŝinpafilojn kaj longan vicon de soldatoj, kiuj garde sidis ĉe la tranĉerando. Ili apartenis al la ĉina regimento de la ruĝa armeo.

Izor kun kreskanta maltrankvilo observis la danĝeran prepariĝon. Ŝtelante sin de barako al barako, fine li atingis la sian. Enrigardante, li neniun vidis en ĝi. Li eniris do kaj kaŝante sin en la subtegmentejo, li sidiĝis al la tegmenta fenestreto, de kie oni povis vidi ĉion. Li sidis tie longajn horojn. Malbenita barako, — li pensis, — ĝi estas tute proksime al la batallinio. Nu, por nokto li serĉos pli bonan kaŝejon. Eble ĉe la oficiroj estos pli sekure. Malsati tamen oni ne devas: li prenis bulbojn kaj kolbason el la tornistro kaj plenŝtopis la buŝon.

Subite li terure ektimis, ĉar lia rigardo renkontis tiun de okulparo simile timoplena. Ili preskaŭ lumis en la subtegmenta duonmallumo. La bulbo haltis en la gorĝo, la mano pli forte ekpremis la tranĉileton. La tuto daŭris nur momentojn, ĉar el la direkto de la okulparo venis mizera knara voĉo, per kiu li rekonis Salomonon.

— Ĉu vi estas, Izorĉjo kara?

Izor jam sidis en la selo de kuraĝo. Li afektis flegmon.

— Mi. Nu kaj kio? Kaj vin oni ne forportis?

Salomono singarde alrampis kaj flustris.

— Mi pensis, ke estas pli saĝe atendi vin.

— Jen, kiel ruza vi estas, Salomono! — ridetis bonkore Izor. — Nu, tiom pli bone! Rigardu, dum mi manĝas, ke neniu surprizu nin.

Salomono rigardis, Izor manĝis. Salomono subite ekkriis.

— Nu jen! Kiu estus pensinta tion?

— Ne kriu, azeno! Pri kio vi knaras?

— Venu kaj vidu mem!

Izor iris al la fenestreto kaj rigardis en la montrita direkto. Al la tranĉeo marŝis nova bataliono de la ĉina regimento, kiun kondukis la juna adjutanto kaj Katja. La soldatoj ekfosis novan tranĉeon. La adjutanto kaj Katja donis instrukciojn kaj montris ofte la direkton, de kie oni atendas la ofenzivon. Post kvaronhoro alvenis artilerio, la adjutanto difinis la lokojn de la kanonoj. Poste li foriris kun la virino.

Nun eksonis hufofrapoj. Rajdanta taĉmento de anarkistoj, kondukata de Joĉjo kaj de la iama teatra dekoraciisto, galopas al la norda monteto. Inter ili Fiza. Ili kunhavis du maŝinpafilojn.

Izor enpense ekpalpis sian orelon.

— Salomono, ĉu vi scias, kion mi pensas?

— Mi eĉ ne konjektas.

— Ke la rusoj ne estas tro saĝaj. Unue, ĉar ili akceptas virinojn en la armeo, due, ĉar ili sin lasas komandi de ili, trie, ĉar ili koncentras tiom da soldatoj sur la sama loko kaj preskaŭ tute ne defendas la nordan monteton kaj kvine, kio estas nur duonmalsaĝa afero, ke ili ĉiuj forkuris kaj postlasis nur ĉinojn. Mi vidis multajn filmojn pri la ĉinoj kaj ĉie oni montris ilin malicaj kaj ruzaj. Jen mia opinio.

— Sed povas esti, ke la rusoj estas pli ruzaj ol ili.

— Nu, tio povas okazi... Cetere mi ne estas stabgeneralo, ke mi prijuĝu ilian taktikon. Mi opinias nur, ke por ni estus plej bone ne esti ĉi tie kaj pro tio mi proponus, ke nokte ni ŝtelu nin en iun oficiran barakon. Tiuj kuŝas norde kaj vi mem vidis, ke ne de tie venos la atako.

Post sunsubiro, Izor, sub la ŝirmo de la mallumo, forlasis sian kaŝejon por esplori la ĉirkaŭajon. Singarde li malfermis la barakpordon — kaj li restis rigidiĝinte sur la sojlo. Norde la tuta horizonto estis ruĝa. Flamlangoj etendis sin al la ĉielo en la direkto de la oficiraj barakoj. De tie aŭdiĝis obtuza bruo, poste, baldaŭ, krioj kaj pafoj. La bruo pliproksimiĝis. Homoj kurantaj aperis sur la vojo. Nun ektondris la kanonoj sur la monto. Pafiloj ekkrakis, maŝinpafiloj tiktakis akre. El la direkto de la stacidomo signalis akraj lokomotivfajfoj. La rifuĝantaj oficiroj jam atingis la unuajn malplenajn barakojn, kiam en la kontraŭa direkto venis kure proksimiĝanta amaso. Krioj, blasfemoj, pafoj, kanontondrado eĥis timige en la sangruĝa lumo de la brulantaj barakoj.

Izor kun tremantaj membroj ekturnis sin kaj suprengrimpis al Salomono.

— Jen la batalo, Salomono, jen la batalo kaj ni estas ĝuste en la meza mezo de la tuta skandalo.

La homoj kurantaj el du kontraŭaj direktoj, jam atingintе la barakojn, serĉis rifuĝejon en ili. Izor aŭdis, ke ankaŭ lian barakon okupas homoj. Spirretene li aŭskultis. Iom li retrankviliĝis, aŭdante germanajn kaj hungarajn vortojn. Li volis jam malsupreniri, kiam la pafado fariĝis pli intensa. Kugloj siblis super la barakoj. Izor ĵetis sin planken.

Kelkaj pafoj traboris la ladan tegmenton.

La pafado daŭris pli ol duonhoron kaj tiam subite ĉesis. Izor nun povis distingi la voĉojn de la parolantoj. Unu klarigis al la alia.

— Sed nia situacio estis pli malbona. Ni estis la lastaj, kiuj povis atingi la vagonarojn. La ĉeĥoj pafis kaj pafis.

— Kaj ni — klarigis ekscitite la alia voĉo — ni jam estis ĉirkaŭitaj de la ĉeĥoj kaj se la lokomotivestro ne estus lerta, ni flarus nun la violojn el sub la tero.

— Kaj kio okazos al tiuj, kiuj jam ne povis rifuĝi — plendis la tria voĉo.

— Ili mortos. Cetere ni havas kelkajn mortintojn kaj multajn vunditojn.

— Kaj tiuj brutoj eĉ ĉi tie akceptis nin per kugloj. Ili rigardis nin ĉeĥoj.

— La oficirajn barakojn oni ekbruligis.

— Sed kio estos morgaŭ. Morgaŭ ili atingos la tendaron.

Izor aŭskultis. Poste li flustris al Salomono, kiu senvorte kaŭris en la angulo.

— Nu, Salomono, kio estos al ni morgaŭ?

Salomono ne respondis.

— Jen, kiel ruza vi estas! Vi imitas mortinton, kvazaŭ kaptita skarabo.

Silento. Izor rampis al li kaj kaptis lian brakon. Salomono falis plenpeze sur lin kaj li sentis flui ion varman sur sia mano. La korbato de Izor haltis pro la teruro.

## LA DEZIRO

*Joan Arús.*

*Dum sia vivo kaj viglec', la floro*
*deziradas la akvon kun pasi';*
*dum en ni dolĉe vivas l'iluzi',*
*novajn ĝuojn esperas nia koro.*

*Ia aĵo, tre ofte, nin altiras*
*floro, virino, verso aŭ kanzon'*
*sed, pli ol en la aĵoj, l'ama don'*
*troviĝas en la kor', kiu sopiras.*

*La kor', en sia vol' nedifinebla,*
*amas nur tion ne estantan ebla —*
*najtingal' kun dezir' pri brila stel' —*

*kaj kiam venas tio sopirita,*
*ĝi estas tre malvarme ricevita,*
*ĉar ĝi jam ne plu estas nia cel'.*

## LA AMIKINO EN LA PREĜEJO

*Joan Arús.*

*Bezonas la animo por sin levi*
*kaj flugi en la gloron de l' Sinjor',*
*pri io alta kaj spirita revi*
*kaj forgesi pri ĉiu monda glor'.*

*Ho, amikino bela kaj distrita...*
*Vi estas en preĝej', ĉe via seĝ',*
*kun via kara libro malfermita*
*kiu vin gvidas tra mistika preĝ'.*

*Sed viaj lipoj preĝon ne murmuras*
*kaj ĝin forlasas, ĉar vi pli plezuras*
*je l' librornamoj el ebur' kaj or'...*

*Se ĝi malhelpas vian preĝon, finu.*
*En vin mem enpensiĝu, kaj destinu:*
*Por unika preĝlibro — via kor'!*

El la kataluna: *Jaume Grau Casas.*

— Salomono, kara Salomonĉ, kio estas al vi? Kio estas al vi? Ne ŝercu! Ne ŝercu kun via amiko! Salomono, ne ruzetu! Sufiĉas! Jam sufiĉas!

Li skuis la senpovan kadavron kaj senkomprene rigardis la malgrandan trueton ĉe la tempio, el kiu en mallarĝa strio fluis la sango. Korŝire li veadis.

— Salomono! Kara... neeble... vi ne povas. Nu Salomono... jen, kiel ruza vi estas... — kaj singulte li ripetadis ankoraŭ kelkfoje — jen kiel ruza vi estas... jen, kiel ruza vi estas...

La vestojn li ekŝiris kaj plorante, kaŭrante super la kadavro, li preĝis longan horon.

— — — — — — — — — — — — — — —

Apenaŭ mateniĝis, kiam la unua ŝrapnelo eksplodis super la tendaro. La ĉinaj batalionoj kaj la artilerio respondis per energia pafado. Ŝrapneloj zumis kaj krakis, kugloj siblis super la barakurbo, kies loĝantoj senhelpe kuradis, serĉante taŭgan kaŝlokon. La pafado daŭris jam pli ol unu horon, sed pafis precipe la ĉinoj, ŝajnis ke la nevidebla malamiko ŝparas la municion.

La suno jam brilis alte, kiam la malamiko plivigliĝis. La kugloj siblis pli ofte kaj la ĉeĥaj kanonoj komencis vomi grenadojn. La lignaj barakmuroj ne ŝirmis kontraŭ ili, vunditoj veis kaj mortantoj stertoris multloke.

Subite en furioza kavalkado, senĉese vipante siajn ĉevalojn, proksimiĝis la rajdotrupo de anarkistoj, kiuj hieraŭ vespere iris al la norda monteto. Unu el ili falis el la selo kaj preninte sian revolveron, pafis en sian kapon. La aliaj malaperis en la direkto de stacidomo, la mortanto stertoris baraktante en la sanga polvo de la vojo. Nova grupo de anarkistoj pretergalopis, kun mienoj taŭzitaj de teruro kaj mortotimo. Unu el ili, longharulo, ekvidante la mortanton, subite elseliĝis kaj, lasinte kuri sian ĉevalon, kuris en barakon.

Cerbopenetraj mortkrioj aŭdiĝis en la surmontaj tranĉeoj. Longa svarmo de ĉeĥaj legianoj aperis ĉe la *malsupro* de la monto. Ili komencis furioze pafi. La ĉinaj soldatoj, forĵetinte la pafilojn, kuris malsupren, rekte al la pafilfajro. Sur la spino de la monto aperis alia svarmo de ĉehoj. La pafado ĉesis.

Malproksima pafado, lokomotivfajfo aŭdiĝis de la stacidomo kaj de norde jam venis svarme la centro de la legianoj. El la direkto de la urbo venis la rusa „blanka" armeo. La legianojn gvidis ridetante la juna adjutanto de la ruĝa komandanto kaj apud li rajdis Katja. La rusojn komandis Medvedjuk, la tigro.

La gvidantoj de ambaŭ armeoj renkontis sin antaŭ la tendaro. Triumfe ili salutis reciproke. Sed en tiu ĉi momento, el apudvoja barako, kuris al ili la longharulo, kun freneza mieno.

— Morton al la perfidulo! — li kriis furioze; kaj, celinte, li ektiris la ĉanon de sia revolvero.

La kuglo estis dediĉita al Simon Petroviĉ Grilov, al la iama adjutanto, sed ĝi maltrafis la celon, ĉar, facile vundinte lian flankon, ĝi boriĝis en la bruston de Katja. Ŝi ekŝanceliĝis en la selo. Dek-kelkaj glavoj svingiĝis kontraŭ la anarkisto; sed li pafis plu, malgraŭ siaj teruraj vundoj ĝis sia lasta kuglo. Poste li falis sub la furioze draŝantaj glavoj, kiuj lin dispecigis en la vera senco de la vorto.

Katja falis teren. Kelkaj oficiroj saltis el la selo kaj levis ŝin. Ŝi vivis ankoraŭ. La adjutanto klinis sin al ŝi, unu el la ĉeĥaj oficiroj, preninte bandaĝon el sia tornistro, provis fari la unuan helpon.

Katja volis paroli, ŝi vokis mallaŭte sinjoron Medvedjuk. Nur nun oni rimarkis, ke unu el la revolverkugloj mortrafis lin kaj li falis en la apudvojan fosaĵon.

Katja vane atendis, ŝia forto iom post iom forlasis ŝin. Kiam oni metis ŝin sur la provizoran vunditportilon, ŝi svenis.

— — — — — — — — — — — — — — —

La ruĝa reĝimo estas venkita. La ĉinoj, batalintaj por ideo, kiun ili eĉ ne konis, estas senvestigitaj kaj pelitaj, nude, en la riveron Selenga. Soldatoj staras sur la bordo kaj vetpafas ridante naĝantojn kaj dronantojn.

Bolŝevistoj, anarkistoj rifuĝas per ĉevalo, veturilo, vagonaro. Kelkaj sin kaŝas en malplenaj barakoj, atendante la nokton, por forkuro. En la urbo restas sola ruĝulo, la komandanto. Iam serĝento en la cara armeo, alta, belstatura, decidiĝinta junulo. Li atendas sur sia loko, kunpreminte la lipojn, li scias morti por la ideo. Kiam oni malfermas la pordon de lia kancelario, li mortpafas la unuan enpaŝanton — la adjutanton, Simon Petroviĉ Grilov.

Kaj en la barakoj restas militkaptitoj, senhelpaj, sciantaj nenion certan pri la okazaĵoj, pri sia venonta sorto. En ekscititaj grupoj ili diskutas, divenadas, timigas sin mem per „informoj". Ili dependas de nun de novaj homoj, estas liveritaj al ilia plaĉo kaj kaprico. Kion ili decidos pri ili, Dio scias.

— — — — — — — — — — — — — — —

La postan tagon Izor, forplorinte iom el sia doloro, kaj ree ekokupite de la zorgo pri sia sorto, scivole miksiĝis inter la parolantojn. Lin teruris la rakontitaj historioj, sed li ne kuraĝis decidigi sin por rifuĝo, ĉar se oni dumvoje kaptos lin, neniu atestos pri tio, ke li ne partoprenis en la batalo, nek en la ajn politika agado de la ruĝa reĝimo. Li decidis do resti, sed baldaŭ ege li bedaŭris tiun ĉi decidon.

Ĉeĥaj kaj rusaj soldatoj venis traserĉi la barakojn kaj aresti ĉiujn organizitajn militkaptitojn. Izor malespere protestis, sed oni puŝis inter ilin ankaŭ lin. Antaŭ la barako estis vicigita la malĝoja grupo, en kiu li rekonis kelkajn personojn famekonatajn en la antaŭa reĝimo. Ĉi tio pligrandigis lian timon.

Inter bajonetoj ekiris la funebra trupo. Kompataj rigardoj sekvis ilin survoje, oni sciis, ke la indulgo al ili estos tre escepta. Inter la scivoluloj subite Izor rimarkis kapitanon Prokeĉ, kiu senkore ridetis al la malfeliĉuloj. Iom da espero vekiĝis en Izor.

— Sinjoro kapitano Prokeĉ, — li alkris, — jen, rigardu min. Vi ja scias ke mi estas senkulpa pri ĉio, kio okazis. Diru almenaŭ unu vorton al tiuj ĉi homoj, ke ili indulgu min.

Prokeĉ alrigardis la teruritan vireton kaj laŭte ekridis.

— Nu, Izorĉjo, la negocado estas kun risko. Vi tro multe kuraĝis riski.

Unu el la soldatoj per pugnobato silentigis la malespere kriantan Izorĉjon. La grupo pasis for en apatia silento. Kapitano Prokeĉ ankoraŭ havis ĉe la lipoj la mokan rideton, kiam iu mallaŭte rimarkis malantaŭ li.

— Kaj kio okazos, se li uzos la dokumenton, donitan al li.

Prokeĉ turnis sin kaj embarasite respondis al majoro Hitzinger.

— Mi forgesis pri tio. Cetere tiu paperaĉo ne kompromitas nin.

— Eble la paperaĉo ne, sed via nuna konduto nepre. Vi

## En silenta la soleco

I.

*Vigla akvofalo plaŭdas.*
*Ĉu vi aŭdas?*
*Gluk . . . glok . . .*
*Gluk . . . glok . . .*
*Tra la plaŭd' de l'akvofalo,*
*Laŭda kant' de najtingalo?*
*Ĉe deklivo,*
*Ĝoja vivo,*
*Plaŭdas,*
*Laŭdas;*
*Jen,*
*Jen,*
*En silenta la soleco,*
*Logas paca feliĉeco.*

II.

*Ĉu ne zumas sonorilo,*
*En trankvilo?*
*Ding . . . dang . . .*
*Ding . . . dang . . .*
*Tra l' kampar' en taga fruo,*
*Tra l'ĉiela lumofluo,*
*Tra l' etero,*
*Alta sfero,*
*Bele,*
*Hele,*
*Zum . . .*
*Zum . . .*
*En silenta la soleco,*
*Regas milda majesteco.*

III.

*Ĉu vi gajas, akva ondo?*
*Jen respondo:*
*Glip . . . glop . . .*
*Glip . . . glop . . .*
*Flustre migras freŝa fonto,*
*Al la valo, el la monto,*
*Dolĉa tono,*
*Gaja sono,*
*Movas,*
*Ŝovas,*
*For,*
*For,*
*En silenta la soleco,*
*Fonto flustras pri gajeco.*

IV.

*Ĉu ne kaptus nin plezuro,*
*En naturo?*
*Tra . . . la,*
*La . . . la . . .*
*Dolĉo, sorĉo, poezio! . . .*
*En arbara idilio*
*La sunbrilo,*
*Birdotrilo,*
*Varmas,*
*Ĉarmas,*
*Ja . . .*
*Ja . . .*
*En silenta la soleco,*
*Hejmas daŭra kvieteco.*

*Joseph Reisinger*

mem scias plej bone, ke li estas ĉiurilate senkulpa, krome li havas multmembran familion.

Prokeĉ ektiris sian ŝultron por montri, ke la tuta afero ne interesas lin.

— Je unu homo pli aŭ malpli en la mondmilito jam ne kalkulas. Cetere, li estas ja nur judo.

Majoro Hitzinger, malagrable tuŝita, malestime rigardmezuris lin.

— Vi povas neglekti tiun dokumenton, sed ankaŭ mi subskribis ĝin, kaj mi konas mian devon. Mi vere bedaŭras, ke tia fiviro povas esti ofciro en la imperiestra kaj reĝa armeo de la monarkio. Mi esperas, ke jam ne longe.

Kaj li foriris. Prokeĉ, ruĝa pro kolero, siblis inter la dentoj.

— Ĉi tiun lecionon mi ne forgesos, liberala juddungito! Kaj ankaŭ vi rememoros ĝin!

# LA PIPO DE PROSPER

RAYMOND SCHWARTZ

Blanka kiel animo de novenaskita suĉinfano estas argila pipo en montrejo de tabakbutiko. Tia estis ankaŭ la pipo de Prosper, kiam li akiris ĝin. Verdire, ĝi ne plu estis tute virga, almenaŭ korpe, sed pro tio ni ne riproĉu ĝin, ĉar nenio estas pli facile difektebla ol virgeco, .... precipe kiam oni estas pipo en foira pafejo!

Por kelkaj soldoj ĉiu duonlerta viro rajtas plurfoje kripligi sendefendajn pipajn korpojn, kiuj atendas sian mizeran sorton nostalgie balanciĝante je maldikaj ŝnuretoj. Kaj, en tiaj kondiĉoj, estis preskaŭ miraklo, se la pipo de Prosper sukcesis liberiĝi el malagrabla situacio kun negrava difekteto.

Tri tagojn daŭris en la vilaĝo la festo de Sankta Kristofo, la paroĥa patrono. Tri tutajn tagojn tiu pipo pendis kiel tremanta celo de gloravidaj pafantoj. Ĝi estis la plej malproksima, ĝi ŝvebis pli alte ol ĉiuj aliaj kaj la rustaj pafiloj sendube estis jam tre lacaj, ĉar malgraŭ honestaj klopodoj de kamparana obstino eĉ la plej fieraj ekssergentoj ne sukcesis ĝin dispecigi.

Prosper — li estis tiam dekkvarjara — pasigis grandan parton de tiuj tri festotagoj antaŭ la pafeja butiko, senspire atentante kiam iu fanfarona vilaĝano promesis forpafi tiun pipon, ĉar tuj de la unua ekvido li simpatiis kun ĝi. Pro sia malproksima loko ĝi tentis speciale la pli lertajn pafantojn, kiuj grandanime malŝatis facilajn viktimojn. Sed ĝis nun neniu sukcesis ĝin dekroĉi! Kaj ĉiufoje kiam iu preterpafis, Prosper eksaltis pro interna ĝojo.

La lastan tagon, kiam finiĝis la festo, iu ebria melkisto tamen faligis la nevenkeblan pipon! Laŭta ĝenerala ekkrio salutis tiun neatenditan sukceson. Prosper, kontraŭe, preskaŭ ploris, kaj la ebriulo, senkomprene mirante pri sia heroaĵo, konfesis honeste, ke li celis tute alian pipon!

Intertempe la pafeja mastro transdonis la pipon al la venkinto, ĉar ĝi estis ankoraŭ bone uzebla. Mankis nur la tuba pinto. La triumfanta melkisto, nun duoble ebria, jam intencis kun grimaca antaŭĝuo definitive frakasi la malfeliĉan pipon kontraŭ ŝtona muro, kiam Prosper ploreme petis: Donu ĝin al mi!" — Kaj la melkisto, kun subita bonfara intenco, kiajn kelkfoje ekhavas la ebriuloj, donacis ĝin al la knabo.

Tiamaniere Prosper akiris sian pipon.

Denun li havis nur unu ambicion: Ĝin nigrigi, por ke ĝi aspektu kiel la aliaj pipoj de la maljunaj vilaĝanoj. — Tuj la sekvantan tagon, dum li paŝtis la bovinojn de sia patro, sidante en protekta ombro de larĝaj salikoj, li komencis sian taskon. Li fumis, fumadis senlace ĝis fatala kapturniĝo kaj aliaj ankoraŭ pli malagrablaj sensacioj, sed li ĉiutage heroe rekomencis, kaj kiam mankis tabako, li suĉis sekajn nuksfoliojn, ne pro plezuro, komprenenble, sed kun la energia intenco: nigrigi sian pipon! Kaj la brunaj makuloj rapide progresis sur la blanka pipa korpo, — baldaŭ ili plidensiĝis kaj fariĝis nigre nigraj. Post relative mallonga tempo la pipo de Prosper estis inda je siaj plej maljunaj kolegoj en la tuta vilaĝo...

La jaroj pasis en regula sinsekvo, kiel ventopelitaj nuboj sur blua ĉielo.

Prosper jam havis edzinon, grandajn infanojn kaj ĉiam ankoraŭ sian pipon. Iam kaj iam li estis akcidente demordinta tubopecojn, tiel ke nun lia pipo havis miniaturan dimension, kaj por pli certe protekti la restantajn tri centimetrojn li estis envolvinta ilin per blanka fadeno, blanka fadeno, kies hodiaŭan koloron oni facile imagas. — Tamen kaj malgraŭ ĉio, nenio estis pli kara al li ol tiu pipo, precipe depost kiam ŝercema urbano klarigis al li kun plej serioza mieno, ke en Parizo oni pagus almenau kvincent frankojn por tia pipo, tiel perfekte fumaĵita! — Prosper tion kredis kaj kun li la tuta vilaĝo.

Sed jen kio okazis:

La tutan posttagmezon Prosper estis paŝtinta la bovinojn, — ĉar nun, pro siaj sesdek jaroj, li ne plu taŭgis por aliaj kamplaboroj kaj ĉiutage, kiel dum sia infanaĝo, li pelis la bovinojn al la herbejo.

La tutan posttagmezon li sidis sub la larĝaj salikoj kaj li estas absolute certa, ke li fumis preskaŭ senhalte. Li eĉ tre bone memoras, ke, kiam la nigra bovino transiris en la ĝardenon de la ĝiba Jean-Pierre, li unue enpoŝigis sian pipon kaj nur poste li kuris por forpeli la nigran bovinon el la karotoj. — Tiam li reiris hejmen laŭlonge de la rivereta vojo, trinkigis siajn bovinojn je la fonto apud la lernejo, poste ligis ilin en la stalo kaj prizorgis kiel kutime. — Li vespermanĝis kun sia familio kaj fininte sian modestan manĝon eltiris sian pipon, ne! — intencis eltiri sian pipon, sed la pipo ne plu troviĝis en la poŝo!

Li traserĉis ĉiujn poŝojn, la filinoj esploris ĉiujn angulojn de la ĉambro, lia filo Alfred eĉ returnis la pajlon en la stalo, — sensukcese. Devige Prosper konstatis nun la nekredeblon: La pipo estis perdita, pipo, kiu valoras en Parizo almenaŭ kvincent frankojn! — Tamen, ne, ne estis eble!

Ankoraŭ la saman vesperon li reiris al la paŝtejo, survoje observis plej detale ĉiujn truetojn, longe palpis la herbotufojn sub la salikoj, — vane. Li ne retrovis la nigran pipon...

Denun la humoro de Prosper ne plu estis tolerebla. Li grumblis kontraŭ ĉiuj, edzino kaj filinoj; ĉiu konsola vorto elvokis ĉe li koleran respondon. — Lia filo Alfred aĉetis por li novan pipon, samspece argilan, — Prosper blasfeme sakris kiel diablo kaj proteste eĉ ne tuŝis ĝin. Lia konstanta malbonhumoro malsanigis lin ne nur morale sed ankaŭ korpe. Li apenaŭ manĝis, preskaŭ ne plu dormis, — longajn horojn li sidis senfare dum obtuza medito sur benko antaŭ la domo kaj forgesis prizorgi siajn bovinojn. Estis klare, se tiele daŭrus plu, li baldaŭ mortus.

Lia edzino tiam decidis kun la filinoj fari tagnaŭon




V. RADA: KNABINO KAJ KAPRINO

je la honoro de sankta Antonio por ke la patro retrovu sian pipon. Kaj tuj ili bruligis du kandelojn antaŭ la bildo de sankta Antonio en la bela ĉambro.

Kiam Prosper eksciis pri tio, lia kolero estis senlima. „Ĉu estas eble, esti tiom infana! Nur virinoj havas tiajn superstiĉojn! Kaj forbruligi tiom da kandeloj dum naŭ tutaj tagoj, ĉu ili ne scias pli taŭge elspezi la monon?" — Li grumblis tiom pli, ke li mem sekrete esperis retrovi la pipon dank' al la interveno de sankta Antonio, sed li ne povis akcepti sendire tiun virinan kapricon ne kompromitante sian viran superecon! — Kaj ĉiutage li laŭte kaj krude mokis siajn filinojn kaj edzinon.

Estis la oka tago de l'tagnaŭo. Seninterrompe du kandeloj brulis antaŭ la sankta bildo. La pipo ne ankoraŭ retroviĝis.

Ĉe la vespermanĝo la familio sidis ĉirkaŭ la tablo. Peza silento ŝvebis super la rondo. Ili sidis en la bela ĉambro, ĉar estis dimanĉo. — Fine Prosper ekrikanis kontraŭ sia edzino: „Nu, via ŝerco baldaŭ ĉesos, — hodiaŭ estas la antaŭlasta tago!" kaj li aldonis preskaŭ blasfeme: „Via sankta Antonio ne tro rapidas!"

„Ni tamen esperu kaj ankoraŭ paciencigu", — la edzino respondis, —„intertempe vi agus pli bone ne mokante la sanktulon, — pli ruzaj viroj ol vi jam turnis sin al li!"

Kvazaŭ pikite de freneza abelo Prosper eklevis la kapon! Kio estas tio? Apogante sin kontraŭ la seĝo li subite sentis ion malmolan sur sia malsupra dorsparto. Rapide, malgraŭ siaj reŭmatismoj, li metis sian manon sur tiun malmolaĵon kaj tuj post apenaŭa ekpalpo li sciis: La pipo troviĝis en la subŝtofaĵo de lia vesto!

„Kia azeno mi estas!" li grumblis, „kial mi ne pensis pri tio pli frue? Vere, jen ja estas truo en mia poŝo!" — Jam li estis leviĝinta kaj kun serioza mieno de iu, kiu ne ŝatas infanaĵojn, li blove estingis la du kandelojn antaŭ la bildo. Ĉiuj lin rigardis demande, duone senkomprene, duone antaŭsentante. Prosper nun staris ĉe la tablo kaj kun tremantaj fingroj penis retiri la pipon el la subŝtofaĵo.

„Mi ja sciis, ke ĝi ne estis perdita", li asertis kaj kun ruza rideto li eltiris la nigran pipon!

Lia emocio estis sincera. La ostaj fingroj ankoraŭ tremis, — kaj el tiuj tremantaj fingroj la pipo forglitis kaj rompiĝis milpece sur la brika planko!!

Konsternite ĉiuj rigardis kaj ne kuraĝis kredi.

Longa silento. — Tiam Prosper kun seka voĉo ordonis al siaj filinoj: „Rebruligu la kandelojn!"

Nur post kelka tempo li konsciis pri la senutileco de tia faro.

# SUNAJ HOROJ

R. MUNOZ SECA.

Ebenaĵo vastega, senarba, dezerta. Aŭgusta suno, bruliga, fritvarmega. Ŝoseo mallarĝa, polvoplena, kiu perdiĝas malproksimen...

Sur la intensblua ĉielo eĉ ne unu nubeto bonfaranta. Sur la preskaŭ fumanta tero nek rivereto, nek fonto, nek eĉ tufo da herbaĵo.

Tremadas la aero vibrigita de la suna fajro. Ĉirpadas cikado siajn unutonajn akrajn sonojn. Zumas muŝego zigzage fluganta, kvazaŭ ebria pro la lumo...

Tre malrapide antaŭenŝoviĝas sur la ŝoseo maldelikata ĉaro, tirata, inter la timonoj, de mulino malbone nutrita kaj antaŭ ŝi de azenino malgranda kun ostelstara lumbo kaj larmaj okuloj.

Alligita per mallonga ŝnuro al la postaĵo de l' ĉaro, hundino dubegriza, malgrasa, malforta, vojiras afliktite kun la kapo tere.

Interne, en la ĉaro dormas la ĉaristo. Ĉe la ĉaristo, sterniĝinta sur malplenaj sakoj, hundideto, tre malmultajn tagojn aĝa, montras sian dikan kapeton senespriman kaj rigardas per okuloj malvigletaj jen al la malproksima horizonto jen al la grizaĉa hundino, sia patrino.

*La mulino* (levante la kapon, duonmalfermante la okulojn kaj spirante malforte) : Kia posttagmezo, Lucera!

*La azenino* (forskuante la muŝojn) : Ne parolu al mi! Kaj, danke ke almenaŭ ni iras senŝarĝe.

*La mulino* (montre al la ĉaristo) : Ĉu dormas ankoraŭ la tirano?

*La azenino :* Certe! Kiel, alie, ni irus tiel malrapide? Bona li estas! Eĉ vidante nin morti, li devigus nin plirapidi. Despoto li estas!

*La mulino :* Kiel ĉiuj homoj.

*La azenino :* Kiel ĉiuj, ne. Mian patron, kiu loĝis en grandaj urboj, mi aŭdis diri, ke ekzistas homoj bonaj al ni. Cent fojojn li al mi ripetis : „Filino mia, kiam vi vidos homojn, kiuj kondukas veturilojn kaj ĉarojn, de neniu besto tiratajn, humiliĝu kaj respektu ilin: ili estas niaj savantoj. Tiom ili amas nin, ke por nin imiti, ili kovras siajn kapojn per oreloj kiel la niaj; ili imitas la simion dumsomere kaj vintre ili sin vestas per ursaj peltoj, kaj opinias sia fiero similiĝi al la respektiva besto."

*La mulino* (nekredema, kiel multaj aliaj mulinoj) : Estas strange!... Neniam mi vidis tiajn homojn. Ĉu ne trompis vin eble via patro?

*La azenino* (grave) : Ne. Mia patro diris ĉiam la veron; pro tio li estis granda azeno.

*La hundido* (streĉante siajn membrojn, oscedante kaj antaŭen metante la kapon ĝis super la ĉara rando) : Panjo!...

*La hundino* (ame ĝin rigardante) : Kio?

*La hundido :* Venu, ĉi-supreniru; mi malsatas.

*La hundino* (malĝoje) : Mi ne povas, filo mia; mi estas alligita. Kia bedaŭrego!

*La hundido* (stariginte sin, post granda peno, kaj ŝanceliĝante): Do, mi iros al vi...

*La hundino* (timegante) : Ne!

*La hundido* (naive) : Mi povas tre bone!

*La hundino :* Ne, ne moviĝu, pro Dio!

*La hundido* (rigardante al ŝi per avidaj okuloj): Sed mi malsatas, panjo mia! Kial vi ne volas, ke mi malsupreniru?

*La hundino* (korpremegite) : Tial ke vi farus al vi vundeton falante; ĉar ankoraŭ vi ne scipovas iri kaj ne povus nin sekvi. Ĉar vi restus survoje, forlasita kaj sola, dum la ĉaro, pli forta ol mi, min fortrenus malproksimen de vi... Silentu! sternu vin; dormu, filo mia, dormu!

*La hundido* (elmetante ankoraŭ pli la korpon) : Mi malsatas!

*La hundino* (terurite) : For!... Foriĝu internen! (Profunda radkavo ekŝancelas la ĉaron, perdas la hundido sian mallertan ekvilibron kaj falas ŝoseen.)

*La hundido* (tre kontente) : Ĉu vi vidas? Mi ne vundiĝis.

*La hundino* (fosante siajn piedojn en la teron, kvazaŭ ŝi volus per tiom malgranda forto haltigi la iron de l'veturilo) : Venu! Proksimiĝu al mi! Tuj! Ke mi povu vin ekpreni per miaj dentoj!

*La hundido* (luktante por levi sin) : Jes, atendu!

*La hundino* (kiel antaŭe, streĉante gigante siajn fortojn; sentante ke la ŝnuro ŝin tenanta vundas, sufokas ŝin) : Venu!

*La hundido* (singultplorante) : Mi ne povas. (Vidante ke la ĉaro malproksimiĝas kaj kunfortrenas la korpon preskaŭ senvivan de ĝia patrino): Panjo! Panjo mia, ne lasu min ĉi tie!

*La hundino* (kriante en plej alta angoro) : Lucera, pro viaj filoj, haltu !

*La azenino :* He ? Kio okazas ?

*La hundino:* Mia ideto! Ĝi falis! Ĝi ne povas iri! . . .

*La azenino* (al la mulino): Atendu, he!

*La mulino :* Jes ! Por ke la tirano vekiĝu kaj tanu nian haŭton per batoj : vi estas aroga.

*La hundino :* Bonvolu !

*La azenino* (al la mulino) : Haltu, diras mi !

*La mulino* (obstinege) : Ne !

*La azenino :* Estas ŝia filo !

*La mulino:* Kaj al mi, kiom koncernas tio ? Kial ŝi havas lin ?

*La azenino* (indignite) : Kion scias vi pri filoj kaj amoj, raso senfrukta, malbenita ! Haltu, aŭ mi frakasos piedbate vian bruston !

*La mulino* (haltante pro la minaco) : Estu ! Vi superas min nunmomente je forto kaj devigas min fari vian volon ; sed ve al vi, se la tirano min batos ! Tiam estos mi, kiu rompos vian bruston je pecoj.

*La hundino* (al la hundideto malrapide, malrapide alproksimiĝanta): Venu, filo mia; venu, ne ripozu. Ĉi tie ĉe mia flanko vi ripozos.

*La hundido* (denove tre kontente): Jes, panjo; rigardu, kiel bone mi marŝas.

*La mulino* (inter la dentoj murmurante): Ni vidos, kiom kostos al ni ĉi tiu ŝerceto.

*Le azenino:* Ne timu. La viro vidonte la hundidon surtere komprenos la motivon de-nia halto.

*La mulino :* Kion li povos kompreni estante homo ?

*La azenino :* Do, mi oblikvumos kiom mi povos, kaj starigos min horizontale sur la vojo, por vidigi al li, ke mi estas la sole kulpa.

*La mulino* (pli konforme): — Tio ja estas alia afero. (La azenino oblikvumas, horizontale starigas sin kaj vidas, kiel la hundideto, fine, venas al la flanko de sia patrino, kaj vidas, kiel tiu sin ĵetas teren kaj altiras lin al si kaj alproksimigas al li siajn plenajn mamojn).

*La azenino* (kortuŝite, memorante pri doloroj kaj ĝojoj pasintaj) : — La infanoj ! (El ŝiaj malbrilaj okuloj elfluas larmoj. Malica muŝo eksidas en ili. Paŭzo.)

*La mulino* (kapskuante kaj tintigante brue la sonoriletojn de sia ĉirkaŭkolaĵo) — Sed, ĉu ni volas pasigi ĉi tie nian vivon ?

*La homo* (vekiĝante kaj rektigante sin, mirigite) : — Kio estas tio? (Pugne ekprenante la vipbastonon) — Lucera !

*La mulino* (por si mem) : — Nun vi vidos !

*La azenino* (ne movante sin) : — Okazu, kion Dio volas !

*La homo :* — Azenino ! (Desaltas de l' ĉaro ; saltante li ekvidas la hundideton, kiu, jam sata, ludpetolas kun sia patrino) — Tiu besteto ! . . .Preskaŭ esti mortigita ! . . . (Prenas la hundidon kaj ĵetas ĝin ĉarinternen. La hundino, dankema, provas alsalti kaj karesi lin ; la azenino, kontentigita, reiras obeeme en la tirvicon. La ĉaro denove ekruliĝas.)

*La azenino* (al la mulino) : — Li vidis la hundideton tere ; li devas esti nin kompreninta.

*La homo* (elmezurante sur la ostan lumbon de Lucera du terurajn bastonbatojn) : — Azenino ! ! Vi haltas meze survoje ĉe tia suno ? (La azenino kurbiĝas kaj blovspiregas pro doloro. La mulino kaŝe ridetaĉas. La hundino klinas teren la kapon, afliktite.) — Ŝi ja ne estos mallaborema ? ! Finfine, azenino !

*La azenino* (sentante, pli ol la doloron, la maljustecon de la puno) — *Fin-fine, homo !*

(Antaŭenŝoviĝas la ĉaro, ŝanceliĝante, krakadante. La ĉaristo sidante sur unu el la timonoj, fumas kaj murmurkantetas, la mulino pensas pri la dezirata manĝujo, la bona azenino rememoras malĝoje pri la karesoj de azenideto kun fruntstelo (lucero), kiun homoj senkoraj forŝiris de ŝi por ĉiam ; kaj muŝego zumas, flugas zigzage, kvazaŭ ebrie pro lumo). *El la hispana: J. BERGER.*

# IDILIO

*Pol de Mont*

*Hejmen bela knabinet' revenis*
*post renkonto kun amato sia.*
*La patrino tuj al ŝi demandis:*
*— Ruĝaj kial estas manoj viaj?*
*— Mi deŝiris rozojn, panjo mia . . .*
*Dornoj gratvundetis miajn manojn .*

*Hejmenvenis la filin' denove*
*ĵuse el la brakoj de l' amato.*
*Ekmirante la patrino diris:*
*— Brulaj kial estas lipoj viaj?*
*— Berojn mangiŝ mi, ho panjo mia —*
*Suk' sangkolorigis miajn lipojn.*

*Ŝi ankoraŭ vidis lin; sed foje*
*ŝi revenis pale. Panjo diris:*
*-- Palaj kial estas vangoj viaj? . . . .*
*Ŝi ĝemetis: — Fosu mian tombon!*
*Tien sternu min kaj krucon metu . . .*
*Skribu sur la tomboŝtono jenon:*

*Hejmenvenis ŝi kun ruĝaj manoj:*
*li varmigis tiujn en la ŝiaj.*
*Hejmenvenis ŝi kun ruĝaj lipoj:*
*li bruligis tiujn per kisfajro.*
*Hejmenvenis ŝi kun palaj vangoj:*
*li velkigis tiujn malfidele.*

# LA AĴOJ, KIUJN DONIS MI . . .

*Pol de Mont*

*La aĵoj, kiujn donis mi,*
*ja estis senvaloraj,*
*nek braceleť, nek broĉ', nek ring',*
*nek orelringoj oraj.*

*Nur iom da ĉifonpaper'*
*kaj mian skribaĵaĉon:*
*versaĵojn nur mi donis por*
*akiri vian plaĉon.*

*Sed io igas — sciu nun —*
*valoraj tiujn aĵojn:*
*sincera, pura animsent'*
*eknaskis la versaĵojn.*

*Multekostaĵon tian ne*
*enhavas aĵ' alia :*
*se versojn miajn tranĉus vi,*
*elŝprucus sango mia.*

El la flandra :
*Jan van Schoor.*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

B. BENETKA: VLASTIMIL RADA, ILUSTRISTO.

La plenigo de artista verko ne povas esti alia, ol, kia estas al ĝia kreinto donita de la Naturo; estas neeble elludi alian melodion sur la kordoj de homaj animoj, ol tiun, je kiu ili estas agorditaj. Tiu melodio ĉe ĉiu devas esti alia, kaj ĉe ĉiu devas esti homa. En la homa akcento de nia animo troviĝas resono de parenceco, estas eĉ ĝermo de nia ĉeĥismo, de nia sociala sento, de nia mondeco. (Vl. Rada: „Tra l'vojo de l'Vero"; en almanako *Zivot*, 1921.)

Parolante pri la *ilustristo* Rada, mi ne povas ne mencii, eĉ se nur resume, la *pentriston*, ĉar Rada estas unualoke eminenta pentristo.Disĉiplo de Preissler, li aliĝis en la antaŭmilitaj jaroj al artista generacio pli maljuna je 6—10 jaroj, kiu tiam havis sian centron en la Umelecká Beseda.*) Ĉi tiu, laŭ sia programo, reagis kontraŭ la ekskluzive formalisma, fremlande inspirita ĉeĥa moderno kaj deklaris la revenon al la homa kaj nacia misio de la arto.

La juna Rada portas per sia klera kritikismo multan bonan influon en la komunan laboron kaj li baldaŭ fariĝas unu el la celodonaj faktoroj de la renovigita vivo en U. B.

Ke la nacia arto, liberiĝinte de la principa antitezo inter enhavo kaj formo, estu profundigita kaj intensigita tiel, ke la postulo de nacieco ne estu malhelpo por individua memesprimado, ke la klopodo je pureco kaj ĝusta esprimo estu eĉ superitaj de la severaj postuloj pri la interna pleneco de l'verko — tion li klopodas dekomence per sia artista laboro, debatista preteco kaj inteligenta plumo.

Mi atentigas pri la supreskribita artista kredo de Rada, aŭ, eĉ pli bone, mi atentigas pri la tuta verkaro de Rada mem, en kiu, diference al tiel multaj propagandistoj, vere evidentiĝas lia kredo kaj programo artista. Ĝi ne enhavas grandajn gestojn patriotajn, nek senfruktan supermodernecon, kies demagogaj pozoj ofte forpuŝas nin unuavide, sed ĝi parolas pri grandaj oferoj, amo, belo, pri homo, eĉ se li estus sennoma vagisto kun ĉifonita tornistro surŝultre, kaj parolas per parolo komprenebla al ĉiu, kiu havas animon percepteman, klaran kaj alireblan.

*) Centro de ĉeĥaj artistoj, kun vasta kulturinfluo en la lastaj jaroj de XIX. jarcento.

Sole en la sindona observado de la Naturaj faktoj kaj de la Vivo, de la ekstera mondo kaj de la koro propra, fontas la saĝo de l'Ekkono kaj sole ĉi tiu sindona kaj amplena enrigardo povas konduki artiston al celo. La vojo, vere, estas longa. La parolo de belartisto estas la *formo*, la plej grava el la malhelpoj, kiujn la artisto devas venki dum sia pilgrimo al la verko. La tasko de la artisto ne estas imiti precize, fotografe iun parton de la realo, iun el la miloj da hazardaj formoj, kiujn surmetas al si la eterne sanĝema Naturo; la artisto devas penetri sub la suprajon de la objektoj kaj fenomenoj naturaj. Li devas fermi la idean mondon en evidentajn formojn, kaj, per la forto de intelekto, aranĝi ilin tiel, ke la vero pleje evidentiĝu.

Kaj Rada kapablas fari la taskon al si metitan. Li atingas vere mondan nivelon, kaj akirus certe komprenon ankaŭ fremdlande, kvankam lia stilo estas pure ĉeĥa.

Same kiel en sia verko pentrista, esprimas sin Rada ankaŭ en taskoj donitaj al li de la tempo kaj de lia propra inklino, t. e. ilustrado de libroj.

Antaŭ ne longe, oni rigardis ilustraĵojn malpli valoraj, mem la ideon *ilustri* iel malLaŭda en la belarto. [Kiel ankaŭ la ideon *literatura.]* Temo, enhavo, agado estis preskaŭ malŝatataj en bildoj.

En tiun ĉi sferon venis Rada [1912.], en la Akademion, al prof. Preissler, kie pro la klopodoj je *absoluta* pentraĵo [kubismo kaj aliaj ismoj] estis nenia intereso pri ilustrado. Tamen la juna adepto jam tiam klopodas: prezenti al si konkrete la legitan vorton. Ĉi tiu klopodo restis ankaŭ ĉe la juna pentristo kaj ankaŭ la matura artisto estas fidela al sia junaĝa sanĝo.

Pere de Josef Čapek, en 1918, venas Rada inter la ĉeshajn illustristojn. Liaj ilustrajoj en artismaj ŝerchumoraj gazetoj, montras baldaŭ novan ĉapitron en la ĉeĥa arto illustra.

Same kiel la pentro, tiel ankaŭ la linio de Rada, — kvankam li ne improvizas, eĉ, ofte dekfoje li ree desegnas streketon ĝis ĝia perfekta lokumo, — estas ĉiam preta mirinde akomodiĝi al la enhavo, kiu kvazaŭ diktas al li la stilon kaj tektonikon de la tuta komponaĵo. En la ŝercaj desegnaĵoj li estas ĝoje karikaturanta kaj iel paceme ironia, sed tamen, kapabla,se necese, skurĝi per senkompata sarkasmo ĝis viva karno. Li neniam tedas per afekto, la ilustraĵo efikas ĉiam drame, kaj estas ĉiam tre klara. En libra ilustrado la klopodo de Rada estas evidente esprimi la animon de la libro, ĝian pensan mondon, tiel ke fine ĉiu libro estu kvazaŭ aparta mondo, tute diferenca de la aliaj. Tamen, en ĉiu libro li konservas, krom la individueco de la libro, ankaŭ sian individuecon.

Dum la preterema leganto veturas tra la mondoj de verkistaj fantazioj per aeroplano aŭ ekspresa vagonaro, kaj ilin rigardas tra fenestreto de sia kupeo, la leganto-ilustristo devas ilin travojaĝi piede, de urbo al urbo, de paĝo al paĝo, li devas travivi multe, kion la nura leganto sole rigardas. Ĉar illustri libron signifas, laŭ Rada, tre atente ĝin ellegi.

Vere, atenta leganto tuj rimarkas, ke la linioj de la Rada'aj desegnaĵoj iel apartenas al la medio de la tute libro, aŭ al la karaktero de certa temo. Ni rigardu ekzemple la groteskajn kaj taŭzitajn liniojn de la desegnaĵo al la fabelo: *Ŝuisto kaj Diablo.* La du ilustrajoj al la *Klubo de Pickwick' oj* estos certe ĝoja surprizo al la ŝatantoj diversnaciaj de tiu klasika romano de Dickens. Cetere niaj bil-

## NOKTO

*Jam ĉie vespero.*
*Trankvil'.*
*Ripozas la tuta pejzaĝo.*
*Plu ĝenas silenton majestan*
*Nek sono, nek bril'.*

*Post pluv' ĉiu herb' senmoviĝas.*

*Kaŝita post nuboj la lun'*
*Pentras per blanka koloro*
*Arbaron kaj kampon.*
*Silento. —*
*Nur rana obtuza ĥoro*
*Kaj zum'*
*Aŭdiĝas de vento.*

*Post taga laboro*
*Profunde respiras la tero.*
*Kvieto.*
*Nur ie tre proksime ĉirpado de grilo*
*Kaj granda, ega trankvilo.*

*Ho Tero . . .*

*Stanislavo Zausmer.*

detoj aperas pli frue ol la libro per ili ilustrita ĉe Druztevni Práce en Praha.

La ilustraĵo, krom la belartaj postuloj, devas kontentigi ankaŭ aliajn, gravajn. Ĝi devas *enhavi*, teni sin al la teksto, esprimi ideon, *konformi* objektive [laŭ personoj, sfero, detaloj,] krome, ĝi estas ligata al la tipografio de la libro [kompostaĵo de paĝoj, formato, papero ktp.]. Pro tio, por plenumi ĉiujn ĉi postulojn, oni devas havi certan specialan kulturon, kiun nuntempe ne multe transdonis la tradicio. Tiun mankon oni devas kompensi per detala studo de malnovaj majstroj.

Laŭ niaj informoj Rada interesiĝis precipe pri *Busch* [germana humoristo] *Cruikshank* [angla ilustristo de Dickens] kaj pri la franca *Doré*, samtempulo de Daumier kaj Delacroix, kiu ĝuste montris sian universalecon, kaj kies fundan komprenon montras en sia individua arto ankaŭ Rada.

Rada havas tridek jarojn.

# OBSERVO

## EDUARD WILDE

Ĉijare la 6. de marto la tuta Estonio festis la jubileon de la 60. naskiĝtago de la plej populara estona verkisto Eduard Wilde (Vilde). Tian honoron Wilde inde meritas. Kvankam la estona literaturo ne estas trojuna, ĝi kreis ĝis la epoko de Wilde malmulton konsiderindan. Esceptas nur kelkaj lirikaj, ne ĝisevoluintaj talentoj: Kristjan Idak Peterson kaj Lydia Koidula, dum artvalora estona prozo nur ekĝermis. E. Wilde kaj liaj kuntempuloj, la tragiksorta Juhan Lüv kaj la dramisto August Kitzberg rajtas esti nomataj patroj de l' estona prozo. E. Wilde estis la unua en la estona literaturo, kiu havis energion krei vasttemajn sociajn romanojn kaj talenton kaj forton de eposa poeto por influi grandajn popolamasojn. Por li la verkado ne estis metio, sed inspiro kaj tamen lia produkteco povis atingi plej altan ŝtupon: la plena verkaĵaro konsistas el pli ol 10.000 paĝoj.

Eduard Wilde naskiĝis en la jaro 1865. la 6. de marto en la departemento Virumaa kiel filo de bienega vokto. Sian karakteron kaj literaturajn inklinojn li heredis de la patrino, konsiderinda recitintino de popolpoezio kaj parencino de pluraj estonaj literaturistoj. Fininte elementan lernejon, Wilde eklernis en la germana „Kreisschule“ en Tallinna, sed eksiĝis el la lernejo iom antaŭ la finekzameno pro senĉesaj mondkonceptaj konfliktoj kun la instruistaro kaj pro sia senpacienca karaktero. Komenciĝas senripoza, aventura vivo komparebla kun tiuj de A. Rimbaud kaj R. L. Stevenson. Jen li estas ie kampare en Estonio, jen en Tallinna, en Tartu. Kelkajn jarojn li vivas en Berlin, Moskva, vojaĝas en Svisujo, Hungario, Balkanaj ŝtatoj, Italo, Grekio, Turkio, Malgrand-Azio k. t. p. Post la rusa revolucio en 1905. li loĝas ekzilite en Zürich, Helsinki, København, Stuttgart, New-york kaj ree en Berlin.

Samkiel turisto en la vivo, li estas turisto en la literaturo. La sujetoj de liaj verkaĵoj estas el ĉiuj eblaj partoj de la mondo. Por li estas egale, kie li sidas ĉe biertablo kaj legas gazeton aŭ observas preterirantajn virinojn, ĉu sur la bordo de Bosporus aŭ ĉe Rhein. Ĉe biertablo kreiĝas liaj verkaĵoj, kies enhavon li forgesas jam sekvantan tagon por percepti novajn bildojn. Tiel daŭris plurajn jarojn tiu ĉi karnavalo de la vivo.

En Estonion Wilde povis reveni nur post la rusa revolucio en 1917. Siajn lastajn jarojn li pasigas per la eldonado de sia kompleta verkaĵaro. La estona registaro firmigis lian ekonomian staton per donaco de bieno por dumviva uzado.

La literaturan agadon Wilde komencis tre juna. Eksigita el la lernejo li restis kelkan tempon kampare ĉe la gepatroj, pasigante la tagojn per legado de valoraj kaj nevaloraj germanaj libroj. La sekvoj de ĉi tiu legado estis en 1882 verkita romano „Kurjal teil“ (Sur la malbona vojo.). La dua verkaĵo (1885) „Norra rannas“ (Sur la norvega marbordo) malfermis al li la vojon al la estona gazetaro. De tiu tempo Wilde estis konstante literatura kunlaboranto ĉe diversaj estonaj kaj germanaj jurnaloj. La sukceso de la jurnalo, al kiu kunlaboris Wilde, estis ĉiam certa, sed por la verkisto la jurnalistaj laborkondiĉoj des pli malfavoraj. La tiama publiko raviĝis pri sengustaj romantikaj kaj sentimentalaj epigonoj de germanaj originaloj. Stile kaj enhave bonan kaj valoran verkaĵon oni nomis enua. Por plaĉi al la legantaro, Wilde devis atenti ĉi tiujn postulojn. Preskaŭ instinkte li kontentigas la publikon per ŝercaĵoj. Li ironias pri la filistreco de urbanoj, sengusta dolĉo, sentimentala pieco kaj ŝajna honesteco de siaj samtempuloj. Pro la severa rusa cenzuro en la ŝercaĵoj ne estas pritraktataj pli seriozaj sociaj demandoj, mankas eĉ pikanta karaktero. Per la ŝercaĵoj Wilde povis penetri en la plej malkulturajn partojn de Estonio, la nura mencio de lia nomo „rididis eĉ ŝtonojn.“

Ĉi tiu produktiva, sed malaltnivela periodo finiĝis en 1890, kiam Wilde transloĝiĝis en Berlinon. Tie li povis konatiĝi kun realismo kaj socialismo. Hauptmann, Sudermann, Zola, Ibsen de unu flanko kaj Liebknecht, Bebel, Marx kaj Engels de la alia influis lin evidente kaj signis la vojon por estonta evoluo. En Moskva la socialista idearo ekhavis firman bazon: Wilde vidis la solan savon de l'mondo en la forigo de la kapitalo kaj egaligo de la rangoj. Por esprimi sian opozicion, Wilde trovis konvenajn sujetojn en la ĉiûtaga vivo de premitaj kaj malriĉaj malsuperaj klasoj. Kreiĝas realistaj tendencnoveloj. En „Karikas kihvti“ (Kaliko da veneno) li penas montri, ke mono estas la fonto de ĉia malbono. El ĝi gutas senĉese veneno en la animon de l'homo. La kapitalo ŝtonigas la konsciencon, aĉetas la virton kaj honeston de malriĉuloj. „Raudsed käed“ (La feraj manoj) priskribas la vivon de fabrikaj laboristoj. La plej bona verkaĵo el ĉi tiu periodo estas sendube „Külmale maale“. (En Siberion). Ĝi estas la unua verkaĵo de Wilde havanta vere artan valoron, unu el la malmultaj libroj venkantaj la legantojn per korfunda kondolenco. Ĝi estas kreita konscie laŭ ideoj. Wilde volas kaj povas vidi kaj paroli juston. La temo mem estas tre simpla: cirkonstancoj krimuligas eĉ plej honestan junulon. La tendencaj verkaĵoj ne estis senrezultaj. Kvankam Wilde konstatas, ne laŭdas aŭ mallaŭdas, neas kaj ne instruas, li havis multajn imitantojn en la literaturo kaj vivo, ĉar lia tendenco ne estas seka instruo, sed sukhava vivo.

En la komenco de la nuna jarcento Wilde transiras de la socialista realismo al la kritika realismo Lia trilogio — tri historiaj romanoj el la mezo de la pasinta jarcento — tuŝas la plej doloran lokon en la pasinto de l'estonoj: reaĉeton el la servuto per la tero de l'prapatroj. La temo de „Mahtra soda“ (La milito en Mahtra) estas servuto, tiu de „Kui Anija mehed Tallinnas käisid“ (Kiam Anija-anoj estis en Tallinna) la baroj inter la rangoj, „Prohvet Maltsvet“ (Profeto Malcvet) priskribas la malsaton je Dio, sed en la fundo de ĉiuj respeguliĝas ununura motivo — malsato je pano. En ĉi tiuj romanoj estas pentrita per plej multkoloraj farboj la mizera vivo de la kamparanoj, iliaj esperoj pri liberiĝoj korpa kaj ekonomia, serĉadoj de la rajtoj ĉe potenculoj kaj Dio kaj — senfinaj seniluziiĝoj finiĝintaj per sangaj punadoj. Per ĉi tiuj romanoj Wilde trovis la vojon en la korojn de l'suferantoj. La romanoj ne estas nur science veraj ilustritaj historilibroj, sed folioj el la pasinto de ĉiu homo devenanta el kamparana klaso.

Dum la revolucio en la 1905. jaro Wilde dediĉis sin al politika agitado. Li postulis rajtojn kaj liberecon al la laboristaro kaj malgrandnacioj. Pro la politika agado li devis fuĝi el Ruslando. Tio kaŭzis novan kaj plej gravan epokon en la literatura vivo. Ekzilite multloke li povis konatiĝi kun diversaj kulturmedioj kaj intelektaj movadoj. Lia gusto rafiniĝis, li liberiĝas de la antaŭa iom felietona stilo kaj arbitra lingvo. Wilde volas prezentiĝi kiel artisto. Due kaŭzis la evoluon la ŝanĝiĝo de la estona leganta publiko. En la fino de l'XIX jarcento estis ĝenerala kleriĝo kaj enurbiĝado. La leganto vidis en la literaturo ion krom nura tempopasigo. „Noor-Esti“ (Jun-Estonio), kies celo estis konduki Eŭropon en Estonion kaj estonojn en Eŭropon postulis de la verkistoj ne nur interesajn sujetojn, sed belon, stilon kaj arton.

Antaŭ ĉio Wilde pliriĉigis la malriĉan estonan teatraĵaron per du valoraj komedioj „Tabamata ime“ (Neatingebla miraklo) kaj „Pisuhänd“. La unua (1912) respegulas la atmosferon de la tiutempa estona societo: la eŭropiĝon. Kaj ĝiajn boninfluajn, sed samtempe paralizantajn sekvojn. „Pisuhänd“ (1913) — finlaborita artaĵo, ĝis nun la plej bona estona komedio, estas pentraĵo el la vivo de estonaj grandurbanoj: parvenuoj, maldiligentaj inteligentuloj, verkistoj apenaŭ tenantaj sian vivon.

La prozaĵoj „Jutustused“ (Rakontoj, 1913), precipe pri la vivo de ekzilito, havas forton, freŝon kaj estas stile poluritaj, nuancozaj, sukriĉaj. „Mäeküla pümamees“ (La lakisto de Mäeküla) kritikas denove socian vivon, la rilatojn inter posedanto de bienego kaj rentulo, kiu vendadas sian edzinon por akiri

la oficon de lakisto kaj tiel elŝiriĝi el malriĉeco. La lasta verkaĵo, novelo „Asunik Woltenhausen" (La kolonisto Woltenhausen), sorto de iama barono, estas ĉapitro el la nuno de Estonio. Ĝin prezentis Wilde al la publiko unuafoje dum siaj jubilefestadoj.

La graveco de Wilde por la estona literaturo kaj kulturo, estas tre granda. Li renversis la sentimentalismon kaj romantikon, estis ekzemplo por sekvanta generacio. La estona literatura lingvo havas multajn necesajn vortojn kaj esprimojn kreitajn de Wilde. Lia kreaĵo ne estas nur por la estonoj, sed ĝi posedas multon rilatantan la tutan homaron. Lian konatiĝon malhelpas la malmulta kono de la estona lingvo, kio estas sorto de la verkistoj de multaj malgrandaj nacioj. **P. Berg.**

# PENSOJ PRI SHAKESPEARE

*(Daŭrigo kaj fino.)*

Kiam Shakespeare havis ĉirkaŭe dudek jarojn, granda atento estis altirita al la mirinda disvastiĝo de tabako. Kuracistoj uzis ĝin kiel rimedon kontraŭ diversaj malsanoj, ĉar ili opiniis, ke ĝi estas la plej grava medikamento iam konata. Nicot, franca ambasadoro en Portugalujo, sendis ĝin al Francujo en 1558, kaj de tie ĝi alvenis en Anglujon, kiel medikamento. Baldaŭ la fumado komenciĝis, kaj rapide disvastiĝis. Ben Jonson mencias ĝin en „Ĉiu homo laŭ lia humoro", en 1596; batalo de libroj kaj pamfletoj, prozaĵoj kaj poemoj, furiozis pri la kutimo, eĉ reĝo Jakobo estis poste unu el la disputantoj. Li verkis libron nomitan, „Kontraŭblovo al la tabako", en kiu, li kondamnis la tabakon jene: „Tabako estas abomena al la okuloj, malagrabla al la nazo, malutila al la cerbo, danĝera al la pulmoj, kaj pro ĝia fetora odoro plej simila al la abomeninda stiksa fumo el la senfunda infero". Barnato Rych, servisto de Reĝo Jakobo skribis en 1614, ke en sepmil butikoj nur tabako estis vendata, kaj en unusola jaro, la valoro de tabako uzita egalis tiutempe grandegan sumon da 319,375 anglaj funtoj sterlingaj.

En teatroj, fumado estis tre ofta, preskaŭ ĉiu verkisto aludis al ĝi. La aktoroj devis ludi sur scenejo plena je fumo el la pipoj de la elegantuloj sidantaj tie, kaj de la ĉeestantaro en la partero.

Tamen, Shakespeare kiu nenion preterlasis, priskribante multegajn kutimojn, temojn, objektojn, kaj okazintaĵojn, tiel ke li uzis 2.000 vortojn, ne menciis tiun multe priparolitan medikamenton, nek ĝian fumadon. Kiam li komencis verki, preskaŭ neniu fumis, sed tiu kutimo tiel rapide disvastiĝis ke la valoro de tabako konsumita en unu jaro superis tricent mil funtojn.

Liaj samtempuloj aludis al ĝi en multaj dramoj. Ben Jonson kondamnis ĝin en „Aliiĝitaj Ciganoj".

Paŭlo Hentzner, germano, kiu vizitis Londonon en 1598, skribis, „Ĉialoke kaj ĉiam angloj fumas tabakon". Ĉu do ne estas strange, ke tiu saĝaga observanto tute malatentis la plej rimarkindan spektaklon de sia tempo, ja okulfrapantan novan kutimon?

Oni povus diri, ke tiu aludo estus anakronismo en liaj dramoj, sed Falstaff diris, „La ĉielo pluvu terpomojn!" (Gajaj edzinoj de Windsor V. 5.), kaj dum la regado de Henriko Va terpomoj ne estis konataj en Anglujo. Eĉ en la dramo de „Troilus kaj Kresida", oni trovas la esprimon „terpoma fingro". Ĝi ja estas neklarigebla manko.

Estas famo, ke Shakespeare tre ŝatis festenojn kaj kaŭze de troa drinkado, pli frue mortis. Sed en la dramoj, li mokas milde la trinkemulojn. En „Epifania Antaŭvespero", li priskribas la drinkemon de Sir Tobio Belch kaj Sir Andreo Aguecheek, montrante, kiel infansimile ili agas kaj kiel malkuraĝaj ili efektive estas. Falstaff estas alia portreto de fanfaronema drinkemulo, taŭge punita de la spritaj edzinoj de Windsor. Hamleto mallaŭdas la tro grandan drinkemon de la danaj korteganoj. Oni scias el diversaj verkoj, ke drinkado estis ofta kutimo en tiu epoko. Sir Johano Harington, kiu vizitis la danan kortegon, sendis en 1606. leteron al ministro Barlow, priskribantan la ebriadon, ĉe festo donita de la dana reĝo al gesinjoroj. Li skribis ke tiu festo rememorigis al li similajn okazintaĵojn en Anglujo, dum la regado de Reĝino Elizabeta. En dramo de Chapman, „Sinjoro Pedelo" rolulino prezentis ebrian korteganinon. Sed neniu rolulino estas ebriulino en la dramoj de Shakespeare, eĉ la burĝinoj, Sinjorinoj Page kaj Ford, kaj neklerulinoj kiel Sinjorino Quickly superas la virojn tiurilate. En liaj dramoj ses virinoj Neris, Imogen, Rosalinda, Viola, Portia, kaj Julia sin vestas en vira vestaĵo kaj ludas virajn rolojn, sed neniu sugestas ke tia konduto iamaniere makulas aŭ difektas iliajn reputaciojn. La plej trafaj ecoj de Shakespeare' aj virinoj estas ilia forta karaktero kaj fideleco al principo. Okaze ili emociĝas aŭ agas laŭ impulso, sed la impulsoj de la viroj estas pli senbazaj, malkonstantaj kaj ĝenerale malutilaj. Ili estas kredemaj, facile akceptante sugestojn aŭ senpruvajn malhonorajn sciigojn kontraŭ la fideleco de siaj edzinoj aŭ amatinoj. Oni ne povas ne pensi, ke ili mem facile pekas. Kaj tial ili ne kapablas imagi, ke la virinoj posedas pli altan honorsenton kaj moralnormon.

La fakto, ke tiel multaj personoj klopodis trovi informojn pri Shakespeare, montras, ke oni deziris sciiĝi, kiel li akiris tiun mirindan scion kaj neimiteblan povon por utiligi ĝin. El la dramoj oni konstatis, ke ilia verkisto estis klera, bone edukita, konis ĝisfunde la kamparan kaj kortegan vivmanierojn, sovaĝajn birdojn kaj florojn, ke li ĉasadis per hundoj kaj birdoj, konis la lingvon de l'ĉaso, tamen kompatis ĝiajn viktimojn, aŭskultis rakontojn de soldatparencoj, aŭ mem vizitis batalkampojn, uzis trafe metaforojn el negocaj, leĝaj kaj mastrumadaj aferoj, ŝajne neniam vidis tabakfumadon, konis intime la sekretojn de virinaj koroj, sopirantaj „esti viro, aŭ ke virino povus havi viran privilegion de amproponon".

Ĉu tiuj multaj komparoj kaj aludoj al virinaj okupoj kaj metioj ne konjektigas, ke almenaŭ parto de la dramoj estas verko de virino?

Drayton, la poeto, samtempulo de Shakespeare, diris, „la tre altvaloraj poemoj estis legataj en privataj ĉambroj, kaj antaŭ ol ili publikiĝis, ili estis transskribitaj kvazaŭ la mondo ne indus koni la nomojn de la riĉanimaj verkistoj".

Usona verkisto, Lanier, skribis: „Ĉiu homo rigardas lin (Shakespeare) kun sopira amo pro lia virina dolĉeco".

Germana kritikisto, Dro Gervinus diris, „Ŝajne Shakespeare tiutempe kreis kaj karakterizis siajn rolulinojn laŭ la konvinkiĝo, ke la virino estiĝis el pli bona materio ol la viro".

Fine, alia usona verkisto, Hiram Corson, donas sian opinion, „En neniu alia genia verko... mi trovis tiajn ĝustajn pruvojn de la vero, kiajn mi trovis en la verkoj de Shakespeare. Virinoj havas ĉi tiun ĝustan percepton kelkrilate pli ol viroj".

Ĉu Shakespeare el Stratford-sur-Avono kapablis, sen helpo de virino, verki la dramojn, kiuj portas sian nomon?

*(Premiita en la XI. Int. Floraj Ludoj)* EMMA L. OSMOND

---

# BIBLIOGRAFIO

BULGARA ANTOLOGIO

Kunmetis Ivan H. Krestanov, kun antaŭparolo de A. D. Atanasov. 1925. Sofio, Bulgara Esperanto Biblioteko N-o 5—6. 428 paĝoj. Prezo: 100 lev.

Por veki intereson pri popolo, parolu pri ĝia historio; por almiliti kaj konservi simpation, prezentu ĝian literaturon. Ivan H. Krestanov sukcese aplikis la principon praktike. Lia verko „Bulgara Lando kaj Popolo" vekis daŭran kaj sinceran interesiĝon. Nun por gajni valoran venkon li vicigas 40 eminentajn verkistojn kaj poetojn en la batalsvarmo. Ilia elokventeco spontanee reprezentas la popolon, kies koro noble kaj altspirite pulsas en tiu ĉi antologio. Ni admiras la korobatojn kaj respektplene riverencas antaŭ la majstroj de la bulgara lingvo.

La bone elektitaj rakontoj kaj lerte tradukitaj poemoj gvidas la leganton en la romantike ĉarma lando de bulgaroj. La libro ŝajnas grandioza filmo, kiu aperigas antaŭ ni la historion kaj vivon de la popolo kun siaj suferoj, noblaj aspiroj kaj nedetruebla fido al pli bela estonteco. En ĝi kvazaŭ ardas la genta amo, patriotismo kaj nacia konscio, sed neniam ofendas tiujn de la najbaraj popoloj. Ĉi tiuj literaturaj perloj kaj gemoj nur demonstracias pri tiu respektinda forto, kiu vivigas kaj levas sian nacion al egalrajteco. Ili pruvas, ke ankaŭ la bulgara estas altvalora kaj brila parto en la diademo de la tutmonda literaturo.

Ni kore gratulas I. H. Krestanov kaj liajn kunlaborintojn, kiuj dediĉis tempon kaj talenton por atingi noblan celon. Ili sukcese prezentas al la internacia legantaro preskaŭ nekonatan literaturon, kies trezorojn funde koni estas kora deziro de ĉiu artamanto.

La stilo estas eleganta, kvankam en kelkaj frazoj ni retrovas la specialan slavan vortordon de frazkonstruo, kiuj strange impresas. Esperebie ĉe la dua eldono, kiun la libro vere meritas, oni zorgos ankaŭ pri tio, ke la luksa enhavo aperu en pli konvena vestaĵo.

Ankoraŭ unu rimarkon, nur modestan rimarketon mi riskas diri. Ĉu ne estus pli dece kaj konvene mencii la tradukinton de ĉiu verko sub la verko mem, ol doni ĉe la fino de la libro tian nomaron, kia estas nun? Jen pro frapa eleganteco, jen pro bagatelaj, tamen evitindaj, nelertaĵoj mi ofte havis deziron ekkoni la nomon de l' tradukinto. Kion fari nun por laŭmerite laŭdi kaj ne maljuste averti? Averti kaj ne riproĉi, ĉar la „Bulgara Antologio" estas neniel riproĉinda libro, kiun havi — por ĉiu Esperantisto — estas nepre dezirinde. **Joho.**

FARIĜU STENOGRAFISTO.

Malgranda lernolibro de Esperanta Stenografo. 16 paĝa broŝuro 11×17. Prezo: 1.— fr. fr. Aĉetebla ĉe la aŭtoro: P. Flageul 9. Bd. Voltaire Issy-les Moulieaux, Seine, Francujo.

L'AMI DISPARU. — LA MALAPERINTA AMIKO.

Jules Thiebault. Havebla ĉe la autoro Carignan (Ardennes) Francujo. Eldono 3-a, 10-a milo.

La nedaŭraj reenkorpiĝoj en Mantes s/Seine-Francujo. Aldona kontribuo al la pruvaro pri la identeco de la spiritoj. El stila vidpunkto al la aŭtoro ni rekomendas priatenti la novajn originalajn esperanto-verkojn kaj en eventuala nova eldono apliki ilian stiltendencon.

OOMOTO.

La nova spirita movado en oriento. Ŝlosilo por Oomotismo. Eldonis Oomoto Propaganda Oficejo Ajabe Japanlando. Prezo: Jeno 0.30, sv. fr. 0.60.

La peza stilo de la broŝuro estas multloke riproĉebla. Mi rekomendas pristudadi la stilon de okcidentaj verkistoj (vidu: Literatura Mondo) kaj verki laŭ ĝi. La diritaj rilatas ankaŭ al la monate aperanta gazeto titolita same „Oomoto".

FOIRA INFORMILO.

Ilustrita broŝuro de la foiro de Frankfurt a. M. La 24 paĝa broŝuro estas senpage ricevebla de la Messamt (Foiroficejo) Esperanto-Fako Frankfurt a. M.

## LITERATURA VESPERO EN GENEVO. — GINEVRA

La 5-a de aŭgusto, vespere. Kongresanoj rapidas al la Granda Teatro. Inter ili ankaŭ mi, kun stranga maltrankvilo. Mi havas lampofebron, kvazaŭ mi mem estus ludonta. Jes, grava afero! Eĉ la Esp.-a teatro estas maloftajo, kaj nun, Originala Vespero, *Ginevra!* Estas ankoraŭ frue, mi sidiĝas kaj nerve foliumas en la libro *Ginevra!* Ĉe multaj mi vidas la saman libreton, oni kunportis ilin, kvazaŭ muzikamantoj partituron. Ĉu por kontroli, aŭ, ĉu ili timas ne kompreni la parolon de l' aktoroj? Malbela malfido! Ĉu ne senkaŭza? Ni vidos!

Verŝajne ĉiu estas ekscitita, ĉar estas granda bruo. La lustro nun estingiĝas. La bruo cedas. Aperas sro *Keŝik.*, kiel prologo. Li komencas ŝerce, sed poste, kvazaŭ nerimarkate, la tono serioziĝas, je la fino ĝi fariĝas tute majesta: ni estas en festa humoro. La aŭtoro, de Kalocsay, estas lertulo, rimon, ritmon, esprimon li direktas, kiel li volas.

Sed nun, *Ginevra!*

Malantaŭ la kurteno agrabla virvoĉo (Sárossy) kantas la ĉarman: „Vi kien flugas papilio". La dolca melodio estas de Sárossy mem. Lia varma voĉo kvazaŭ karesas. Kaj disiras la kurteno. Belega romantika scenejo, plena iluzio, ni estas en la Mezepoko.

Ne estas ĉi tie loko por detale konigi la dramon mem. Ĝi, junaĝa verko de la alteŝatata aŭtoro, estis ĉiam mia kara legaĵo. Ofte mi tralegis la noble modernajn kaj tamen mezepoke nuancitajn vortojn de *Ginevra* pri la edzinaj taskoj, mi tre ŝatis la spritan murscenon, la varmajn amduopojn, la lertan duelscenon, la rezignan finon, kaj mi vere plezuris pri la noble flua lingvo, pri la speciala dolĉo de esprimo, propra al la aŭtoro. Sed, por esti sincera, mi dubis pri la sceneja efikeco de la dramo.

Kaj nun ĝi frapis min ĝuste per sia drameco. La dramo ekvivis sur la scenejo kun ekscita intenseco, alloga ĉarmo, drama ago kaj movo, kruda konflikto, katenante ĉies atenton. La surprizon de l' ĝuanta legantaro montris la tomba silento, kiu eksplodis kelkfoje en subitaj aplaŭdoj, kaj je la fino en brua ovacio. Ĝin, bone elmeritita, la aŭtoro dankis el sia loĝio.

La ludo de la aktoroj estis vere epok-reviviga. Sr-ino *Starke* kiel Ginevra estis nobla kaj dignoplena; kaj vere majstra en la antaŭlasta sceno. Sro *Sárossy* (Lancelot) efikis vire, sprite, elegante. Iliaj amaj duopoj ardis, la granda rezigno, la heroa sinofero efikis kortuŝe kaj sincere. La iluzion kompletigis la ludo de sro *Starke,* kiu forĝis majestan, kvazaŭ sanktan figuron el la reĝo de legendoj. La intriganto, *Modredo,* en la prezento de *Baghy* estis malhele malica, ofte diable interesa. *Baghy* estis ankaŭ la reĝisoro de la vespero. La prologo parolis pri *hurlanta* reĝisoro. Mi ne scias, ĉu tio estas vero, aŭ nur poezia tropo, sed se Baghy hurlis, li nepre *bone* hurlis, li kunhurlis, kaj tre verŝajne kunŝvitis, mian eble ĝis nun plej belan Esp. vesperon.

Ni ne forgesu la gracian Sekvantinon (f-ino *Elsa Haefelinger)* kaj la kavaliron (s-ro H. *Keŝik),* kiuj harmonie kunludis, kaj la ceterajn, lertajn kunrolantojn. La brua kaj longa aplaŭdo certe koncernis ankaŭ ilin.

La dua parto de la programo konsistis el la deklamoj de *Baghy,* kiu ree montris sian duoblan talenton, aŭtoran kaj aktoran, kaj el la kantado de *Sárossy,* kiu same pruvis sin duoble talenta: komponiste kaj kantiste. La energia „*Kantantaj Postenoj*" (Baghy) kaj la ĉarma kaj profunda „*Kisoj*" (de Kalocsay) per liaj melodioj kaj per lia varmtona voĉo estis vere surprize belaj. Sed eble pli grandan sukceson havis la stulteta kanto pri la knabino, kiu postiras sian amaton. Ĉar mi poste ofte aŭdis zumi: „Tra la stratoj, tra la stratoj".

Bela vespero, neforgesebla! Ginevra! Esperantaj plezuroj! Kiam ni havos ree similan.

Vere, kaj bedaŭrinde, la teatro estas la plej neglektata branĉo en nia literaturo. S-ro *Privat* post la Ginevra ĉi rilate eksilentis, domaĝe. Aliaj ne tro anoncis sin. Kvankam ne nur koncerne elparolon, sed ankaŭ koncerne spiriton kaj lingvoscion, la teatro estus unu el la plej gravaj akceloj en nia afero. Ĉu, esperante, mi iluzias? Nu, eĉ iluzioj povas realiĝi. Kaj, ĉu estas ne eble, kaj ĉu ne estus ege dezirinde, ke iun tagon ie ekiru tra la mondon la verda ĉaro de *Thespis.*

Kaj tiam, oni nepre verkos ankaŭ originalajn dramojn.

*Ĉeestisto.*



Ginevra. Supre gesinjoroj Starke, apud ili sroj Kesik kaj Baghy. Malsupre frino Haefelinger, sro Privat, sro Sárossy.

